juna amiko

34a jaro, n-ro 2/2007 (119)

SEPTEMBRO 2007

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



Ne rimarkite ni vizitis du vjetnamajn stud-horojn

Vidu p. 40-41 !

# Sennaciulo




## Centra monata organo de SAT

Sennacieca Asocio Tutmonda (organizo de laboristoj kaj maldekstruloj esperantistaj)

## Redaktoro: Cyril Orsingher

### Vizitu TTT-ejon de Sennaciulo:

***http:/www.satesperanto.org***

# FARIĜU RAPORTANTO PRI VIA KULTURO!

Esperantistoj de diversaj landoj kaj kulturoj formas ĉenon kaj sendas siajn verketojn al la ceteraj helpe de s-ro Jasuo Hori, Japanio (***cxenraportoj@yahoogroups.jp***) , kiu antaŭ pluraj jaroj iniciatis interŝanĝon de raportoj (la temaro estis donita por tuta jaro). Por ilustri la agadon, ni prezentas (p. 5) la raporton de Michel Sanson, kiam la temo estis: la monatoj.

Lasta-tempe pluraj raportantoj elfalis. La ideo daŭre estas alloga, nepre apoginda kaj tre aktuala. Kaj krome, ĝi tute harmonias kun la agado de **InterKulturo**, **AKEL**, **LingvoLanĉilo**. Ili ĉiuj deziras inter-proksimigi, interamikigi homojn de diversaj kultur-sferoj. En la ĵus menciitaj rondoj agadas infanoj.

Ĉenraporto deziras mobilizi ĉefe plen-kreskulojn, ĉar ili pli bone konas malnovajn etnajn tradiciojn, kiujn ili prezentus ne nur al samaĝaj geamikoj, sed ankaŭ al la infanoj, kiuj kunagadas internacie, kaj kiuj interesiĝas pri la kutimoj de aliaj popoloj.



La celo de Esperanto estas kunligi diverslingvajn homojn kaj tio estas ebla nur per reciproka interŝanĝo de kulturaj valoraĵoj. Venu kaj helpu revigligi la komencitan agadon de ĉenraportantoj.

Se vi estas preta sendi kvar raportetojn (po 1-2 paĝoj) jare pri anticipe difinitaj temoj, informu nian redakcion, ĉar ni devos kunordigi la raportantojn (kie estas pluraj el unu lando, tie la temoj estos dividitaj inter ili). La plej interesaj raportoj aperos en ***Juna Amiko***, la ceteraj en ties ***hejmpaĝaro***, t.e. ĉiuj raportoj estos legeblaj de ĉiuj scivolulоj.

Por relanĉi la agadon nun ni proponas al vi la temon ☞

**Kiuj estas la plej popularaj legomoj, fruktoj, viandoj: manĝaĵoj en via lando aŭ regiono?**

Kun la raporteto, bv. sendi temo-proponon al nia redakcio: ***geza@banyai-kkt.sulinet.hu***

Ne hezitu, partoprenu kaj instigu viajn eksterlandajn geamikojn partopreni. Tio alportos al vi ĝojon kaj amuzos multajn esperantistojn tra la tuta mondo ekde infanoj ĝis alt-aĝuloj.

# ENHAVO



**Sen pied-notoj JUNA AMIKO uzas la plej oftajn 1500 vort-radikojn, kiujn vi trovas en nia hejm-paĝo: *www.junaamiko.inf.hu* aŭ en *www.eo.lernu.net*.**


**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI, Riouwstr.172, NL-2585 HW Den Haag, Nederlando. **Redaktoroj**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) kaj *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Marie-Helene Desert* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Bardhyl Selimi* (Albanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario). Presita en **Presejo Saluton** (Gárdi Jenő u.14, HU-1047 Budapest, Hungario). **Administranto**: *Stefan MacGill* (adreso supre) kaj *Anna Besenyei* (Hungario), retadreso: *esperanna@gmail.com*

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en decembro.**

# RAPORTO EL FRANCIO

Pri la nomoj de la monatoj en Francio, ĉu vi scias, ke nelonge post 1789 (la komenca jaro de la franca revolucio) la revolucia registaro decidis ŝanĝi la sistemon de la kalendaro kaj efektive ekuzis ĝin en oktobro 1793. Jen estas tiu nova sistemo:

**La jaro enhavas 12 monatojn.**

**La monato enhavas 3 semajnojn.**

**La semajno enhavas 10 tagojn.**

Do **12** x **3** x **10** = **360**. Ili aldonis **5** tagojn por havi **365** tagojn en unu jaro. (Estis iu alia regulo por superjaro.) Tiuj kvin ekstraj tagoj nomataj *„samsculottides"* estis feriaj tagoj.

Jen la nomoj de la monatoj:

*Nivose*, Pluviose, Ventose,*
*Germinal, Floreal, Prairial,*
*Messidor, Thermidor, Fructidor,*
*Vendemiaire, Brumaire, Frimaire.*

Mi estas certa, ke vi rekonas la alegorian signifon de kelkaj monatoj.

Jen la nomoj de la 10 tagoj:

*Primidi*, Duodi, Tridi, Quartidi, Quintidi,*
*Sextidi, Septidi, Octidi, Nonidi, Decadi.*

Estas evidentaj, sed ne tre poeziaj !!!

Nia imperiestro Napoleono, decidis nuligi tiun revolucian kalendaron kaj altrudis la kutiman kalendaron ekde la 1a de januaro 1806. Ĝis nun ne okazis nova revolucio, do aŭgusto estas ankoraŭ aŭgusto. Hura, vivu aŭgusto!!!

*Michel SANSON, Francio*
*aŭgusto 2003*

* *Pere de Esperanto vi verŝajne komprenas la plej-multon de la vortoj.*

*alegorio:* klariga similaĵo / *kalendaro:* libreto aŭ tabelo, kiu prezentas la dividon de jaro: monatoj, semajnoj, tagoj / *poezio:* vers-arto / *revolucio:* subita, profunda socia ŝanĝo / *trudi:* devige akceptigi ion.

# Makako japana

**T**iu simio-specio vivas plej norde. Ĝi bone toleras malvarmon. Ĝi vivas ankaŭ en regionoj, kie la temperaturo falas ĝis -15 gradoj celsiaj. Ĝi lerte moviĝas kaj sur tero kaj sur arboj, ŝatas akvon kaj lerte naĝas. Vintre ili ofte vizitas termofontojn por varmiĝi. Ili manĝas ĉefe kreskaĵojn, tre ŝatas fungojn sed, krom tio, ili ofte kaptas ankaŭ malgrandajn bestojn. Ili vivas en konstante migranta grupo el 15 ĝis 200 membroj.

**L**a inoj restas en sia familia grupo, la maskloj male. La japanaj makakoj estas tre fekundaj, dank' al tio, ke la patrinoj povas dividi la taskojn de zorgado pri la pli maljunaj idoj inter la parencoj. La maskloj sekse maturiĝas en sia 3,5a jaro, la inoj en sia 5a jaro.

***(Vidu la foton de japana makakido sur la dorsa kovrilpaĝo.)***



*termo:* internacia vorto kun la signifo: varmo / *masklo:* virseksa besto / *fekunda:* naskiĝema.

# Venu por

Ni tut-kore dankas geknabojn de tri landoj: Hungario (HU), Vjetnamio (VN) kaj Kroatio (HR), kiuj ekagis laŭ la alvoko de Juna Amiko (aprilo 2007, p. 3).

Ni esperas, ke vidante la respondojn, **pluraj novaj geknaboj decidas aliĝi el pluraj landoj**.

Sed unue ni rigardu la kutimojn ĉe la respondintoj. Jen:

***1. Kion oni diras ĉe vi, kiam renkontiĝas:***

***a) infanoj?***

*VN: – Ĉao Le! (Salut', Le!)**

*HR: – Zdravo! aŭ: – Bok! (Salut'!)*

*HU: – Sia! /Heló! / Ĉao! (Salut'!)* aŭ iom ŝerce: *Sióka-mióka! Hali!*

***b) infano kun konata plenaĝul***

*VN: – Ĉau ĉao bac a! (Saluton, onkl/in/o!)*

*HR: – Dobar dan susjede / gospodjo / gospodine! (Bonan tagon, najbaro / sinjoro / sinjorino!)*

*HU: – Ĉókolom / Kezét ĉókolom! (Kison! / Man-kison!)*

***c) infano kun nekonata sinjor(in)o?***

*VN: – Ĉau ĉao ong / ba a!*** *(Saluton, sinjoro / sinjorino!)*

*HR: – Dobar dan! (Bonan tagon!)*

*HU: – Jó napot (kívánok)! (Bonan tagon (mi deziras)!)*

** Ni uzas ne la nacian ortografion, sed fonetikan transskribon en Esperanto. La longecon de la vokaloj ni signas per '. Post la naci-lingva formo troviĝas la Esperanta traduko.*

# interkonatiĝi reciproke!

**2. Kiu sport-ludo estas la plej populara en via lando / amika rondo?**

*VN: En Vjetnamio la pied-pilko estas la plej populara. Ankaŭ iuj junulinoj ŝatas kaj ludas ĝin fervore. En mia amika rondo korbo-pilko estas la plej populara. Ĝi estas nova sportludo, ankoraŭ ne multaj ludas ĝin.*

*HR: En Kroatio la plej populara sporto estas futbalo, kiun sekvas teniso kaj skiado.*

*HU: Manpilko, akvopilko kaj futbalo. En amika rondo ni plej ofte ludas futbalon, korbo- kaj manpilkon; kaj plej volonte ni spektas: tenison, atletikon, naĝadon, futbalon kaj aŭtomobil-konkurson.*

**3. Krom vian gepatran, kiu(j)n lingvo(j)n vi lernis/-as?**

*VN: La anglan kaj Esperanton. Esperanton mi eklernis en januaro ĉijare kaj partoprenos en la 63a IJK (Internacia Junulara Kongreso) en Hanojo.*

*HR: Esperanton, anglan kaj germanan.*

*HU: Ni lernas (ĉiu nur du krom Esperanto) la anglan, francan, germanan, latinan kaj Esperanton.*

**4. Pri kio vi ŝatas okupiĝi en libera tempo?**

*VN: Mi ŝatas legi fabelojn, malfermi interreton, aŭskulti muzikon, ludi korbopilkon kaj naĝi.*

*HR: Ni ŝatas promeni, danci, futballudi, veturadi per biciklo.*

*HU: Ni ŝatas tablo-futbalon, viziti kinejon, promenadi, danci, desegni, partopreni en fantazi-ludoj.*

**5. Kiom da elcentoj (%) de via klaso posedas pròpran poŝ-telefonon?**

*VN: Iom pli ol duono de la klaso.*

*HR: Pli ol 90 %.*

*HU: Preskaŭ ĉiu havas poŝtelefonon.*

La suprajn informojn sendis: 16-jara f-ino Hoang Cam Van (**VN**); Budapeŝta E-grupo de Gimnazio Berzsenyi (**HU**); sep Zagrebaj 10-jaruloj (**HR**).

En la sekva n-ro ni aperigos la respondojn de tiuj kiuj nun decidas respondi la suprajn demandojn. Ne hezitu!

## NOVAJ DEMANDOJ:

**1. Ĉu vi kutimas labori en someraj ferioj por akiri poŝ-monon?**

**2. Ĉu ekzistas ĉe vi krist-naska donaco? Kiu „alportas" ĝin?**

**3. Ĉu la familio festas vian nom- kaj naskiĝ-tagon?**

**4. Kiom da gefratoj vi havas?**

**5. De kioma klaso oni lernas fremdan lingvon en via lando?**

*Ni petas, ankaŭ vi metu demando(j)n, pri kiu(j) vi scivolas.*

*La respondojn sendu ĝis la 1.11.07 al:*

***geza@banyai-kkt.sulinet.hu***

*** En la vjetnama lingvo ekzistas po 27 vortoj por nia „mi" kaj „vi". Pri tio Juna Amiko certe baldaŭ aperigos artikolon.*

Horacio Quiroga
Urugvajo



# Pigra abeleto

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Iam loĝis en abelujo abeleto, kiu ne ŝatis labori. Ĉiu-tage ĝi flugis de arbo al arbo por preni flor-sukon, sed anstataŭ fari mielon ĝi trinkis ĉion. Ĝi estis pigra abeleto.

La aliajn abelojn tre ĉagrenis la konduto de la pigra fratineto. Ĉe la enirejo de la abelujo ĉiam estis multaj abeloj, kiuj gardo-staris, por ke neniu eniru. Ili estis maljunaj abeloj kun granda vivo-sperto.

Iun tagon ili haltigis la enirantan pigran abeleton kaj diris al ĝi:

*„Amikino, ni petas vin labori, ĉar ni ĉiuj devas labori."*

La abeleto respondis:

*„Mi multe flugas ĉiu-tage, kaj pro tio mi estas tre laca."*

*„Temas ne pri via laciĝo"*, ili respondis. *„Konsciu, ke vi devas iomete labori. Tio estas la unua konsilo, kiun ni faras al vi."* Kaj ili permesis al ĝi eniri la abelujon.

La venontan vesperon ripetiĝis tio sama. Antaŭ ol la gard-abeloj diris ion, la abeleto ekkriis:

*„Jes ja, fratinoj, jam mi memoras pri mia promeso".*

*„Ne temas pri promeso, sed pri laboro. Morgaŭ provu alporti almenaŭ guton da mielo. Kaj nun eniru."*

Sed la venontan tagon okazis same kiel en la antaŭaj, kun la diferenco, ke la vetero malboniĝis kaj komencis forte kaj malvarme ventegi.

La pigra abeleto flugis urĝe al la abelujo, pensante ke interne ĝi trovos varmon. Sed kiam ĝi volis eniri, la gardabeloj ne permesis al ĝi eniri.

*„Ne estas permesite iri internen"*, ili diris.

*„Mi deziras eniri",* helpo-petegis la abeleto. *„Tiu abelujo estas ankaŭ la mia."*

*„Tiu abelujo apartenas al la laboremaj abeloj",* respondis la aliaj, *„pigraj ne rajtas eniri ĝin."*

*„Morgaŭ mi laboros. Mi estos akurata. Mi promesas".*

*„Ne estas morgaŭo por tiuj, kiuj ne laboras",* respondis la gardistoj kaj dirante tion ili elpuŝis la abeleton.

Neniam la abeleto estus kredinta, ke nokto povas esti tiom malvarmega, tiom horora. Ĝi memoris, kiam ĝi dormis en sia varma abelujo kaj ĝi silente ekploris.

Ekde tiu tago neniu abelo kolektis tiom da poleno kaj faris tiom da mielo, kiom la eks-pigra.

Kiam proksimiĝis la aŭtuno, ĝi instruis al la nova generacio la gravecon de la laboro jene:

*„La laboro fortigas nin. Mi multe lacis flugante de floro al floro, kvazaŭ laborante. Mankis al mi la konscio pri devo. Sed mi akiris ĝin dum iu nokto. Laboru, amikoj, pensu pri la celo de nia laboro: la feliĉo de ĉiuj, kaj ĝi estas supera al la laceco de iu. Tion la homoj nomas idealo kaj ili pravas. Tio estas la ĉefa afero en la vivo de homo kaj de abelo".*

* * *

Tion aŭdis la abelisto, elprenante preskaŭ la tutan kolektitan mielon. Kaj li pensis, sed ne diris:

*„Tiu abelo ja bone lernis nian lecionon por abeloj. Kaj estas bone, ke ili ne konscias pri la fakto, ke la tutan mielon ja manĝas ni, la homoj, kiuj profitas de ilia laborego. Se mi estus mem abelo, mi dirus al la junaj abeletoj: 'Prefere kaŝu vian mielon antaŭ la homoj, tiu-okaze vi havos tempon ankaŭ por ludi kaj ĝui la vivon, kaj eĉ por lerni, ke la homoj nur ekspluatas vin'. Sed bon-ŝance ili estas tro malsaĝaj por fari revolucion..."*

Elhispanigis: *Jozefo de Jesús Campos Pacheco*
Lasta alineo aldonita de *Vilhelmo Lutermano*

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

*abelo:* insekto (vidu la bildon) / *akurata:* plenumanta laboron, servon ĝis la promesita tempo / *ekspluati:* multe gajni el ies laboro / *generacio:* ĉiuj de la proksimume samaĝaj estuloj / *hororo:* sento de timego / *pigra:* mallaborema / *poleno:* fekundiga polvo de floro / *revolucio:* perforta renverso de ies potenco / *urĝa:* ne plu prokrastebla.

**Pri abelo vi trovas belan versaĵeton sur paĝo 19. Legu ĝin.**

# humuro de

***Elizabeta Rajtmár*** *(Hungario)*
***Saliko*** *(Finnlando)*
***Dieter Berndt*** *(Germanio)*
*Ilustraĵoj:* ***Pavel Rak*** *(Ĉeĥio)*

**Ŝi konas lin**

"De kio vi scias, ke li mensogas?"
"Moviĝas liaj lipoj."

"Pavlo, ĉu vi jam legis la libron, kiun donacis al vi la patrino okaze de via naskiĝtago?"
"Ankoraŭ ne. Ŝi postulas, ke unue mi lavu la manojn".




Kion diris la Kreinto, kiam Adamo estis kreita?

*rekruto:* ek-soldato / *diabeto:* malsano pro manko de insulino

## *Ĉe rekrutigo*

*Junulo ne volas soldatiĝi, pro tio ĉe rekrutigo li transdonas al la kuracisto ne sian urinon, sed tiun de sia amikino, kiu havas diabeton.*

*Post unu horo, kiam la analizo estas preta, la kuracisto diras al li:*

*"Mi havas por vi kaj bonan kaj malbonan sciigojn. La malbona estas, ke vi havas diabeton."*

*"Kaj kio estas la bona?"*

*"Vi estas graveda."*



**Dentisto al sia kliento:**

**"Via dento mortis. Mi devas fari kronon por ĝi."**

**"Ne, dankon! Ni enterigu ĝin sen ceremonioj."**

Poŝŝtelisto diras al sia kolego kun sopiro:

"Hrhr! Mi malŝategas vintron!"

"Kial? Ĉu vi timas malvarmon?"

"Ne, sed vintre ĉiuj homoj tenas la manojn en poŝoj."

Sinjoro eniras restoracion. La kelnero tuj alvenas:

"Bonan tagon, sinjoro. Kion vi deziras?"

"Mi ŝatus manĝi tion, kion tiu viro estas manĝanta."

"Konsentite, sed ne estos facile preni de li la teleron."




# KREU NOVAJN VORTOJN ALDONANTE SOLAN LITERON

***Riĉigu vian vort-provizon ludante!***

***Kiel ludi?***

*Elektu vorton (ni rekomendas vorton, kiu konsistas el du silaboj).*

*La tasko estas: krei alia(j)n senco-hava(j)n vorto(j)n per aldono de ajna(j) litero(j), sed ĉiu-foje vi rajtas aldoni nur unu literon. Ekzemple, el **salo** vi povas krei vortojn: **skalo / salto/i** (ni rekomendas ne konsideri la gramatikajn finaĵojn) / **salmo**. Ju pli multe vi povas krei, des pli da poentoj vi meritas. Alia ekzemplo. El vorto **avo** ni kreis jenajn vortojn: **pavo / lavi / kavo / savi / havi / akvo** .*

*Provu vian vorto-krean kapablon! Jen estas vortoj, el kiuj oni povas krei plurajn aliajn. Por doni elanon, ni donas po unu ekzemplon:*

| | | |
|---|---|---|
| maro > **mardo** ... | koro > kor**t**o ... | arto > **m**arto ... |
| lito > **e**lito ... | iri > **d**iri ... | peri > per**d**i ... |
| aŭdi > **l**aŭdi ... | tablo > tab**e**lo ... | vento > ven**tr**o ... |
| arbo > **f**arbo ... | temo > t**r**emi ... | urbo > **k**urba ... |

*Se la ludo plaĉas al vi, amuzu vin kaj viajn proksimulojn. Lernantoj povas konkursi en grupetoj.*

*Vi povas aldoni plusan tasketon, nome: mallonge difini la kreitan vorton en Esperanto. Ekz. **mardo** (tago de semajno), **kurba** (nerekta), **farbo** (kolorigilo), **elito** (elstarularo pro iu kvalito) ...*

# KVIZO-LUDO

**kiu celas perfektigi vian lingvo-scion.**

**N-ro 2** (Limdato: 01-11-2007)

| | |
|---|---|
| 1 | *„Komenco bona, ...”* Kompletigu la proverbon. *(Irina Kuznecova, RU)* |
| 2 | Kie kaj en kiu lingvo aperis la Unua Libro de Esperanto en 1887 ? *(Pan Wenyu, ĈN)* |
| 3 | „En __ lando troviĝas la Centra Oficejo de UEA ?” „En Nederlando.” Kio mankas? *(Kolibrido, BR)* |
| 4 | Trovu la antonimojn de la subaj vortoj (mal-vortojn ni ne akceptas): *doni, fali, meti, komenci, perdi, semi (Alain Gachet, BE)* |
| 5 | Ĉu *per* aŭ *kun* ? __ ĝojo li akceptis nin. Mi trinkis kafon __ sukero. La programo komenciĝis __ himno. *(Yvette Dechy, FR)* |
| 6 | Andreo alvenis la unu_. Kompletigu ! *(Somero, CU)* |
| 7 | Kiu monato estas la plej mallonga (!) ? *(Dieter Berndt, DE)* |
| 8 | Homo, kiu resanigas malsanulojn. Diru per unu vorto. *(Jozefo Alpári, HU)* |
| 9 | Antaŭe aleneto, malantaŭe – forketo, sub kolo – antaŭtuko. Kio ĝi estas ? *(Neringa Vitkauskaitė, LT)* |
| 10 | Faru vi mem demandon, kiu povos aperi en nia sekva numero. *(Donu la nomon kaj hejm-landon.)* |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Geza Kurucz* (*geza@banyai-kkt.sulinet.hu* / Hitel u.10, HU-6000 Kecskemét, Hungario ). Ne forgesu aldoni almenaŭ unu taskon, kiu tre ver-ŝajne aperos en nia sekva kvizo.

## *SOLVO de la antaŭa n-ro (aprilo 2007), p. 14.*

1. Hotelo (domo, en kiu manĝas kaj tranoktas turistoj).
2. veŝto-vesto / ĉelo-celo / ŝalti-salti / ĵuro-juro / paĝo-pago / tuŝi-tusi / piĉo- pico / ĝenro-genro / ŝelo-selo / ŝtato-stato ...
3. Li bezonas kuleron (etetan peceton da kulo: *kul-er-on*).
4. Saluton, Maria! Mi dankas pro (por) la letero, kiun vi rapide sendis.
5. polko > porko / nervo > cervo / supo > lupo / ajlo > aglo / kulpo > vulpo
6. Tio estas la litero **m** (dufoje en **m**omento, unufoje en **m**inuto, neniomfoje en horo).
7. Mov(iĝ)on esprimas: *ruli, salti, rampi, paŝi, sidiĝi*
8. Monako.
9. Ne mi iras... ; Mi ne iras ... ; Mi iras ne en la bibliotekon.

La plej bonajn solvojn sendis: *Neringa Vitkauskaitė, LT, Jozefo Alpári, HU.*

# INTERNACIA MOVADO

# „RUBAĴETON ĈIU-TAGE!"




*„Neniu faras pli grandan eraron ol tiu, kiu nenion faras, ĉar li povas fari nur malmulton"*

*Edmond Burke, filozofo*

En Finnlando kaj preskaŭ ĉie en la mondo la disĵetado de rubaĵoj estas ĝenerala kutimo. Pensanta homo tamen metas al si la demandon:

**Ĉu nepre devas esti tiel?**

**Estas facile malaprobi personojn, kiuj disĵetadas rubaĵojn, sed kion tio ŝanĝos?**

La membroj de la movado *Rubaĵeton ĉiu-tage* elektis alian vojon.

***Ni forprenas ĉiu-tage almenaŭ unu rubaĵeton kaj varbas iun el niaj gekonatoj aliĝi al la movado.***



Senruba ĉirkaŭaĵo pliigas la senton de sekureco, ruboplena medio pliigas tiun de malsekureco. La movado, fondita antaŭ ses jaroj de finna s-ino *Tuula-Maria Ahonen*, igis multajn disĵetemulojn pripensi kaj ŝanĝi sian kutimon. Nun-tempe troviĝas membroj en ĉiuj kontinentoj. La plej sudaj vivas en Aŭstralio, la plej nordaj en Laponio.

Por membriĝi en la movado *Rubaĵeton ĉiu-tage* oni devas nek plenigi aliĝilon nek pagi kotizon. Sufiĉas levi rubaĵeton de sur la tero, enrubujigi ĝin kaj anigi almenaŭ unu homon.

Estas grave enmeti la kolektitajn rubaĵojn en taŭgajn laŭspecajn ujegojn por reutiligado.

## La naturo apartenas al ni ĉiuj !

En la movado membras geknaboj, gejunuloj, plenkreskuloj, pensiuloj kaj familioj. Aliĝis ankaŭ lernejoj en diversaj landoj de la mondo. *Unu homo faras tre malmulte, sed kune ni faros medion pli sekuran kaj pli plaĉan al la homoj.*

Oni sentas sin bone, se oni zorgas pri sia ĉirkaŭaĵo, kaj kelk-foje okazas, ke ankaŭ la najbaroj dankas.

Por enskribiĝi en la ret-poŝtan liston, sendu malplenan mesaĝon al:

***roskaliike-subskribe@yahoogroups.com***

*filozofo:* scienculo pri la plej gravaj leĝoj de la vivo / *fondi:* estigi ion gravan / *kontinento:* mond-parto / *kotizo:* sumo pagata por membri / *medio:* ĉirkaŭa naturo proksima / *rubo:* neuzebla forĵetindaĵo.

## Frandaj esprimoj kun VOJO

**ekiri vojon / ekvoji** *(ekvojaĝi)*
**iri sian vojon** *(ne prikonsideri la konsilojn de aliaj personoj)*
**ne iri la saman vojon** *(daŭre malsam-opinii)*
**konduki iun sur la ĝustan vojon** *(revenigi iun al honesta morala vivo)*
**forlogi iun al vojo malbona** *(negative influi iun)*
**trovi la vojon al ies koro** *(trovi tonon, per kiu oni povas iun pozitive influi)*
**meti trabojn sur la vojo** *(malhelpi ies agadon)*
**Bonan vojon!** *(bon-deziro ĉe ekvojaĝo)*
**mastro en vojo, servantoj en ĝojo** *(oni ĝojas, kiam la mastro forestas)*
**malfermi vojon** *(prezenti novan eblaĵon)*
**kie estas volo, tie estas vojo** *(kiu volas, tiu povas)*
**ne vidi vojon eliran** *(esti en senespera situacio)*
**kiu ĉe l' vojo konstruas, tiun ĉiu instruas** *(kiu agas publike, tiun ĉiu kritikas)*
**vojo rekta estas plej mallonga** *(sincero estas plej efika kaj sukcesa)*
**trovi la ĝustan vojon** *(trovi la ĝustan solvon)*
**trabati al/por si vojon** *(forigi ĉiujn obstaklojn)*
**pli bone reiri ol perdi la vojon** *(estas pli bone reveni el malcerta situacio ol eniri neŝanĝeblan staton)*

*Anja Karkiainen*

## LINGVO-LANĈILO

Lernej' al ni instruas Esperanton,
kaj ĝin la tuta klaso gaje studas.
Ni lernas gramatikon, ĝuas kanton,
vid-bendon spektas, skribas kaj
rolludas.

Rapide rimarkeblas jen progreso.
Memfidon firman tio al ni donas.
Promeso-plena sperto pri sukceso
nin pliajn lingvojn ekposedi
spronas.

Lingvolanĉilo
salto-tabule nin svingas,
kaj kun facilo
ni lingvo-scion atingas.
Ĝue kaj lude
Lingvolanĉilo regalas.
Norde kaj sude
ekkomprenemo egalas.

Infanoj en lernejoj tra la mondo
en siaj klasoj studas jam simile.
Atingos ilin ni per korespondo,
komunajn vortojn uzas ni babile.

Ni aŭdos multon novan pri kulturoj
kaj sci-volemon reciprokan trovos.
El inter ni forfalos lingvaj muroj.
Ni fraton en fremdul' ekkoni povos.

Lingvolanĉilo...

*gramatiko:* regularo de lingvo / *lanĉilo:* salto-tabulo; io kio donas puŝon, energion realigi planon / *spekti:* atente rigardi, sekvi programon / *sproni:* instigi al plua agado.

# LINGVOLANĈILO

**Muziko:** *Vesa Pölkki*
**Teksto:** *Anja Karkiainen*

A A#dim Bm E7

Ler-nej' al ni ins-tru-as Es-pe-ran-ton, kaj ĝin la tu - ta kla-so ga-je
Ra-pi-de ri-mar-keb-las jen prog-re-so. Mem-fi-don fir-man ti-o al ni

7 A A#dim Bm D#dim A/E

stu-das. Ni ler-nas gra-ma-ti-kon, ĝu-as kan-ton, vid-ben-don spek-tas,
do-nas. Pro-me-so-ple-na sper-to pri suk-ce-so nin pli-ajn lin-gvojn

14 E7 1.A 2.A E7

Skri-bas kaj rol-lu-das. Ra- Lin-gvo-lan-ĉi-lo sal-to-ta-bu-le nin
ek-po-se-di spro-nas.

19 A Bm E7 A7

svin-gas, kaj kun fa-ci-lo ni lin-gvo-sci-on a-tin-gas. Ĝu-e kaj

**To coda**

22 E7 A Bm D E7

lu-de Lin-gvo lan-ĉi-lo re-ga-las. Nor-de kaj su-de ek-kom-pre-ne-mo e-

**D. S. to coda** **Coda**

25 A A

ga-las. In- ga - las.

*Otokar Batliĉka*

# ORŜTONO

En la okdekaj jaroj de la 19a jar-cento norde de la rivero Mackenzie eksplodis stranga malsano – la ora febro! Ĝi atingis homojn de ajna aĝo kaj profesio.

Alvenis informoj, ke tie aŭ tie ĉi oni trovis tutajn montojn da oro. Ke tiu aŭ alia persono tute subite fariĝis milionulo! Oni ne miris, do, ke multaj eksopiris pri rapida riĉiĝo kaj ke la ĝisnuna vivo ĉesis plaĉi al ili. Kial labori dum la tuta jaro por kelkaj moneroj, se dum unu horo oni povas preni el la tero orajn ŝtonojn kaj por ĉiam fariĝi riĉulo? Tiel pensis multaj. Tia homo vendis sian tutan havaĵon kaj aĉetis ekipaĵon necesan por orserĉanto, kaj ekiris kun revo pri ora metalo.

Kiajn sortojn, malfeliĉojn kaj suferojn travivis la plejmulto de tiuj homoj! Sed nur malmultaj – vere ege malmultaj – unuopuloj atingis sukcesojn. La ceteraj revenis perdintaj ĉiujn siajn revojn, rompitaj kaj malsanaj. Jen sekvas rakonto pri unu el miloj, kiu dum sia tuta vivo revis pri la flava metalo – la rakonto pri la or-serĉisto Garry.

Garry estis viro konata en la tuta Nordo. Li venis en tiun ĉi regionon kiel juna, sana viro. Hejme li laŭdire estis seruristo, sed neniu scias tion precize. Dum sia kvardek-jara restado en la Nordo li trairis kaj traserĉis centojn da kilometroj da rokoj, ebenaĵoj kaj riverujoj. Estas vero, ke li trovis kelkajn or-kuŝejojn, unu loko estis eĉ nomita laŭ li „Pado de Garry". Sed liaj trovaĵoj sufiĉis nur por travivi! Hodiaŭ Garry estas maljunulo. Okazis, ke kelk-foje li revenis kun kelkaj funtoj da oro en la poŝoj, sed plej ofte li revenis kun nenio, sed malsata!

En trinkejo, kiu havis la honoran nomon Gold-Salon, sidis miksita grupo. Orserĉantoj, kart-ludantoj, neni-faruloj kaj aliaj „elituloj" de la Nordo. Ekis denove unu el multaj hastadoj por oro.

Oni trovis oron! Oni trovis oron! Oro! Kie!? Kie? Laŭdire en la montoj ĉe la rivero Blua Akvo. Tio sufiĉis ke la urbo ekvivu. En la stratoj aperadis viroj kun dorso-sakoj kun or-serĉista ekipaĵo kaj fosiloj.

Garry estis en sia elemento! Liaj maljunaj okuloj ekbrilis kun nekutima fajro. Li kuris de unu konato al alia. De iu li pruntepreni malnovan dorsosakon, de alia iom da mono aŭ laborilojn. Kiu povis, tiu helpis al maljuna Garry. La konata maljunulo, veterano ja ne devis manki ĉe tiu hasta ekiro! Garry ekiris! Tiu sepdek-jara prospektoro ekiris!

Sur sia kurba dorso li portis sian dorsosakon. Eble jam la kvindekan fojon li iris por trovi la flavan feliĉon! Ĉu eble ĉi-foje?

Forpasis kelkaj semajnoj. Multaj viroj, kiujn ekkaptis la ora febro kaj kiuj ekiris al la Blua Akvo, jam revenis. Temis denove pri unu el la vana alarmo, kiun plej verŝajne elvokis ruzaj vendistoj, kiuj volis vendi siajn varojn. Por elvoki tian alarmon sufiĉis nur ekvoki – oro!

La maljuna Garry malaperis inter la montoj. En Gold-Salon oni ofte parolis pri li. Eble tiu maljunulo jam ie mortis. Sed iun posttagmezon aperis iu maljunulo en mizera stato.

Estis Garry! Senforta kaj fallaca! Ŝajnis, ke malantaŭ li kuŝas longa vojo. Li rapidis – preskaŭ kuris... „Homoj! Oro! Oro! Tutaj vagonoj da oro! Milionoj!" li vokis al konatoj, kiuj ekkonis lin. Ĉiuj rapidis al li. Garry apenaŭ spirante eniris la Gold-Salonon. „Oro!" Ĉiuj leviĝas de siaj lokoj. „Garry estas ĉi tie! Li trovis oron!" Garry staras ĉirkaŭita de viroj, kun konfuzitaj haroj, nerazita, liaj okuloj febre brilas: „Jen! Rigardu!"

Ĉiuj miregas! Garry tenas en la mano orŝtonon – granda kiel kokina ovo. „Tiaj estas tie multaj! Multaj! Kvardek jarojn mi tion serĉis! Nun mi finfine estas milio..."

Garry ne fin-parolis! Li ŝanceliĝis...

„Garry! Kie tio estas? Parolu!" vokis kelkaj viroj sam-tempe.

Garry, apogis sin sur la tablo kaj rigardis iel fremde, kvazaŭ el alia mondo al la granda orŝtono en sia mano. Liaj lipoj flustras: „Tio estas la plej granda trovejo de oro... kiun oni iam ajn... trovis... estas sude de..." liaj kruroj fal-fleksiĝis. Li falis!

En la ĉambro ekregis silento... Kelkaj viroj klinas sin al Garry. Unu leviĝas kaj deprenas sian ĉapelon. Garry mortis! En lia vizaĝo estas kontenta rideto. Li trovis oron kaj kun ĝi – finfine kvietan porĉiaman ripozon...

Tradukis: *Dieter Berndt, Germanio*

*alarmo:* averto pri io ekster-ordinara / *ekipaĵo:* aro da laboriloj por iu laboro / *elitulo:* homo de granda valoro / *febro:* alta korpa temperaturo / *fleksi:* kurbigi / *funto:* pez-unuo, proksimume 500 g. / *hasti:* rapidigi siajn movojn / *konfuzi:* meti en malordon / *prospektoro:* homo kiu serĉas diversajn metalojn en la tero / *sopiri:* dezirio trovi ion.



# LUME

## LA UNUA MIRINDA ETAĜO



Legu ĉi tiun tekston kaj poemon al etaĝulo!

Vidu gvidon kiel eluzi la materialon sur p. 21 kaj en nia hejmpaĝo en <Lernu.net>

Saluton! Mi estas abelo. Mi povas piki. Sed mi ne pikos vin. Jen mia pikilo, en mia vosto. Mi havas domon. Mi havas grandan familion. Ni loĝas kune en tiu domo. Ĝi estas abelujo.





Mi ne tre ŝatas ursojn. Ili estas pli grandaj ol mi. Ili estas tro grandaj.



Saluton! Mi estas urso. Mi ne povas piki. Mi havas voston, sed en ĝi ne estas pikilo. Do, mi ne povas piki. Tamen... mi povas esti pikita.

Mi ne ŝatas abelojn. Sed mi tre ŝatas mielon. Abeloj produktas mielon, do abelojn mi toleras. Abeloj estas malpli grandaj ol mi. Tamen, ili estas tro grandaj.

Ankaŭ mi havas domon. Ĝi estas ursujo. Ne konfuzu tion kun Rusujo – kvankam en Rusujo ja estas multaj ursujoj.



Jen poemo pri ni. Infanoj, petu al iu kiu estas pli granda ol vi legi ĝin al vi. Ne petu urson*, sed homon.

* Mi konsilas tion, ĉar eble urso ŝanĝos la rakonton por beligi sian rolon en ĝi, koste de la abeloj.

# Ursa peko -abela piko!

1.

Pompa kaj malsata urso
dum promeno, dum ekskurso
stumblas sur abela bando
logas lin miela frando.

2.

Abelujo! - Nepras plano!
Tra la tru' eniras mano,
klara sent' – miela bulo
Kaptas ĉion – sen skrupulo.

3.

Malkovrita ursa ŝtelo,
miel-gutoj sur la felo.
Gard-soldato tuj alarmas
zumo-zum'! Abeloj svarmas.

4.

Sekva paŝo - pik-atako!
Ŝveloj sur la krur' kaj brako
sur la vang' kaj ĉe okulo
doloregas pik-makulo



5.

Atakito
sidas kaŭre,

Jen komprenas
urs' bedaŭre,

Ĝin ornamas
dek du plastroj

-- La abeloj
estas mastroj.

Stefan MacGill

kun danko al
Baldur Ragnarrson pro konsiloj.

# Konsiloj al gepatroj kaj gvidantoj

La du antaŭaj paĝoj estas por etuloj – kiuj eble ankoraŭ ne scipovas legi. Ne timu prezenti al tiaj etuloj malbazajn vortojn! Ili sorbas rapide kion ajn, se nur ĝi estas agrable kaj alloge prezentita, en komprenebla kaj ĝuebla kunteksto.

Montru la bildojn kaj ekbabilu, ĉu en Esperanto, ĉu en nacia lingvo:

**Pri ursoj**
Ĉu vi iam vidis urson? Kie? Kiel aspektis? Kiel vi sentis? Ĉu vi ŝatas ursojn? Kiajn ursojn vi konas (desegno-filmajn ursojn, ekzemple)? Kion ursoj tipe faras? Ursoj ŝatas mielon. Kion plian ili ŝatas? Ĉu vi ŝatas mielon? Kion plian vi ŝatas? ktp.

**Pri abeloj**
Ĉu vi ofte vidas abelojn? Kie? Kiel aspektas? Ĉu vi ŝatas abelojn? Kion abeloj tipe faras? Kiel vi scias, ke abelo apudas? Kion vi faras tiukaze? Abeloj ŝatas florojn. Kial? Kion plian ili ŝatas? Ĉu vi ŝatas florojn? Ĉu floroj ŝatas ursojn? ktp.

**Pri akcidentoj**
Kiajn akcidentojn oni povas sperti? Petu la etulon doni ekzemplojn. Ĉiam rediru la respondon en Esperanto: piko, skrapo, tranĉo, brulo, kontuzo, osto-rompo... Infanoj rakontu pri siaj akcidentoj. Kiajn pikojn oni povas suferi? Povas temi pri abelo-piko, vespo-piko, kulo-piko, formiko-piko, urtiko-piko. (Ja ekzistas olimpiko, sed tio estas alia afero!)

**Pri etiko**
Ŝteli mielon de abeloj estas malbona faro. Kiujn malbonajn farojn vi faris? Ĉu vi suferis pro tio? Kion vi dirus al urso se vi vidus ĝin ŝtelonta mielon? Malbona estas la ŝtelo – precipe se urso estas dika kaj bone manĝas. Sed se ĝi ĵus vekiĝis el vintra dormado kaj estas ege malsata kaj maldika kaj estas en danĝero sveni aŭ eĉ morti se ĝi ne tuj ricevas nutraĵon – ĉu tiukaze la ŝtelo estas same malbona? Aŭ se ĝi prenas mielon por siaj malsatantaj idoj?

Akceptu nacilingvajn respondojn kaj rakontojn sed tuj rediru ilin en simpligita aŭ resuma formo en Esperanto, kaj kuraĝigu al etuloj rediri vortojn aŭ frazetojn en Esperanto, por ke ili aktivu en Esperanto kaj ke vi kontrolu la prononcon. Ne timu procedi kun du-lingva dialogado se tio necesas. Ludu per vorto-sonoj – tion infanoj tre ŝatas, kaj ili pli emos ripeti vortojn! Ekzemple: Abela piko, malbela piko, malebla piko; bandaĝo – grandaĝo...

- Legu la dialogojn – kuraĝigu du etulojn rolludi dialogon inter abelo kaj urso.
- Legu la poemon – kuraĝigu ilin deklami ĝin po-linie aŭ po-strofe.
- Vizitu la hejmpaĝon en lernu.net por ursaj-abelaj ekzercoj kaj ludoj. smg

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO



# En la ludejo – 2a ĉambro

Ĉu vi sukcesis solvi la enigmojn de la ludeja 1a ĉambro? Kontrolu vin mem! *(La solvojn vi trovos sur la 23a paĝo.)* Poste tuj testu vian memor-kapablon. La rezulto indikos al vi, ĉu vi pretas por novaj aventuroj kun niaj amikoj.

Kiel fari? Estas simple, ***sekvu vian «bonan stelon»***! Rigardu tiujn ĉi stelojn atente dum 15 sekundoj, poste iru sur la 23an paĝon kaj trovu inter la tieaj steloj tiun, kiu estas la plusa, kiu ne videblas ĉi tie. Vi ne rajtas kaŝe rerigardi tiun ĉi paĝon!!!

Do, 15 sekundoj!

Ek!



Ĉu vi sukcesis? Ĉu via memor-kapablo estas en bonega formo? Ĉu vi ŝatus veni kun ni en la 2an ĉambron? Ĉu vi estas ludema?

| ludEMa persono = persono, kiu ŝatas ludi |
| --- |



- Mi estas ludema! – kriis Kontentulido.
- Mi estas tre ludema, eĉ ludemega! – aldonis Etulo.

En tiu momento ili malkovris novan vizaĝon inter la infanoj.

- Saluton – salutis lin Kontentulido. – Kiu vi estas?
- Saluton, mi estas Gajnemulido.
- Hu, vi havas longan kaj komplikan nomon! – miris Etulo.

- Longan eble, sed ne komplikan - replikis Gajnemulido. - Observu bone mian nomon! Venu, mi helpas vin:



gajni ⇨akiri la 1an lokon, ekzemple en ludo aŭ konkurso

ulo ⇨persono

gajnema ulo = gajnemulo ⇨persono kiu ŝatas gajni

gajnemulido ⇨la infano de la persono, kiu ŝatas gajni

- Kaj Gajnemulido estas mi! Mia patro ofte ludas kaj tre ŝatas gajni. Li nomiĝas Gajnemulo. Mi estas lia filo, kaj ankaŭ mi tre ŝatas gajni. Mi nomiĝas Gajnemulido, kiel vi jam scias tion. Ankaŭ mia fratino tre ŝatas gajni! Ŝi nomiĝas Gajnemulidino. Ĉu vi jam divenis kiel nomiĝas mia patrino? Jes, ŝi estas Gajnemulino. Ni estas la Familio Gajnema. Kaj vi? Kiu vi estas?



- Saluton kara Gajnemulido! Mia nomo estas Ludemulido. Mi tiom multe ŝatas ludi, ke mi preparis malgrandan ludon pri mia familio. Ĉu vi povas kompletigi mian familian arbon?



Familio ........................ *(kiu ŝatas ludi)*

|  (patro) |  (patrino) |  (filo) |  (filino) |
|---|---|---|---|
| | | | |

- Bone. Kaj nun ni vidu, kion ni povas trovi en tiu ĉi ĉambro? Ho, mi vidas multajn ciferajn enigmojn, kelkajn ofte oni nomas «Sudoku». Ĉu vi konas ilin? Se jes, amuziĝu! Se ne, jen tempo por lerni ĝin. Vere ne malfacilas. Se vi estas komencanto, provu unue la etan version. Konstruu logike la kvadrataron tiel, ke la numeroj 1-4 ĉeestu en ĉiuj linioj, en ĉiuj kolumnoj kaj en ĉiuj 2x2 kvadratoj. Por la granda versio la reguloj estas la samaj,

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2 | | | 3 |
| | 3 | 2 | |
| | 2 | 1 | |
| 1 | | | 2 |

sed temas pri la numeroj 1-9, kaj pri 3x3 kvadratoj. Multajn sukcesojn kaj ĝis baldaŭ!



| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 7 | 1 | | 2 | 9 | 3 | 4 | | 8 |
| | 3 | | 8 | 4 | | 5 | 2 | |
| | | 2 | | | | | | 3 |
| 5 | 7 | | | 6 | 2 | | | 9 |
| 8 | 6 | | 9 | | 4 | | 1 | 7 |
| 2 | | | 7 | 3 | | | 4 | 5 |
| 3 | | | | | | 1 | | |
| | 2 | 6 | | 7 | 1 | | 5 | |
| 1 | | 7 | 5 | 8 | 6 | | 3 | 2 |






## Solvoj por la antaŭa numero (118)

**Deponejo:** jen du ebloj por solvi tiun ĉi problemon:

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | X | X | | | |
| | | | X | X | X | X | | | |
| | | | X | X | X | X | | | |
| | | X | X | X | X | X | | | |

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | X | X | | | |
| | | | X | X | X | X | | | |
| | | | X | X | X | X | | | |
| | | X | X | X | X | X | | | |

**7-farejo:** ĉu ankaŭ vi faris tiel, kiel ni?



**31-farejo:** jen nia solvo por ĝi. Ĉu vi trovis alian eblon? Sciigu ĝin al ni!

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 4 | 8 | 9 | 10 | 8 |
| 2 | 9 | 5 | 7 | 2 |
| 1 | 6 | 2 | 3 | 13 |
| 5 | 8 | 14 | 2 | 6 |

EMIL ERNI

La situacio sur Kvang nur malboniĝas, sed Emilo kaj Erni ankoraŭ ne rimarkis tion...












Ni havas neniun kialon ĝoji. Jen ni sen tempo-maŝino sur sovaĝa planedo. Ve!

Aŭŭŭ! Miaj stomakoj doloras

Kie estas viaj spac-stacioj, inter-planedaj krozoj...?

En alia parto de la galaksio, supozeble

Aŭ nur en via imago.

Tion vi plene meritas. Kial vi neniam aŭskultas vian Panjon?









Ve! Nia sorto ne povus esti pli malbona.

Saluton, fremduloj. Mi nomiĝas Binĝabo. Bona nomo por bunĝibo, ĉu ne? Binĝabo – vigla knabo! Amuza rimo! Kaj vi? Kiel vi nomiĝas?

Mi? Erni. Mi ĝo...JA! JAJ!!

ŬŬŬAAA! Emilo!! Tiu planto ĵus alparolis min!

**VORTKLARIGOJ**

*pluki:* tiri, kiel ĉe la tigo de planto aŭ la kordoj de banĝo.
*filiko*: senflora planto
*tedo:* malintereso, enuo
*lumbago, artrito, bronkito:* malsanoj.










Ĉu la plano sukcesos? Eksciu en la sekva numero!

# Ŝerĉo-Streĉo-Steĉjo-kruc': GENIA DIFINO

Trovu la kaŝitan ŝercon ĉe 1 kaj 43 horizontale. Ŝerce diris tion Albert Einstein. Denove, ni donas du literojn. Nedankinde!

| | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | C | | 9 | | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | S | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 |
| 29 | | | ■ | 30 | | | | | ■ | ■ | | ■ | 31 | | | | | | ■ | 32 | | | | | | ■ | 33 | | | | | | |
| 34 | | | 35 | | | | ■ | 36 | 37 | 38 | | ■ | | ■ | 39 | | | | 40 | | ■ | ■ | | ■ | 41 | 42 | | | | | | ■ | |
| 43 | | | | | | | | | | | | 44 | | 45 | | | | | | | 46 | 47 | | 48 | | | | | | ■ | 49 | | |
| | ■ | 50 | | | | ■ | ■ | 51 | | | | | | | ■ | 52 | | ■ | 53 | | | | | | | ■ | | ■ | 54 | 55 | | ■ | |
| 56 | | | ■ | | ■ | 57 | 58 | | | | ■ | 59 | | | 60 | | | 61 | ■ | 62 | | | | | | 63 | ■ | 64 | | | | 65 | |
| | ■ | 66 | | | 67 | ■ | 68 | | ■ | 69 | 70 | | ■ | 71 | | | | | 72 | | | ■ | 73 | | | | | | | | ■ | 74 | |
| 75 | | | ■ | 76 | | | | | | | | ■ | 77 | | | | ■ | 78 | | | | | | | | | ■ | 79 | | | | | |

## HORIZONTALE →

1. Komenco de la kaŝfrazo (2+9+5+7+3+8)
29. Moviĝi de ĉi tie al alia loko.
30. Ekesti videbla. 'Se magiisto metas sian manon en ĉapelon, verŝajne devos _____ kuniklo aŭ blanka kolombo.'
31. Por ĉiam. Sen fino. 'Tio daŭros ______.'
32. Riproĉu; diru al iu, ke tiu malbone kondutas.
33. Planton arbustan; ĝi havas grandajn pikilojn. Winnie-la-Pu promenis tra tiaj arbustoj.
34. Rakedon, kiu portas eksplodigilon. 'Ili lanĉas kroz-______.'
36. Prava. (R)
39. Malgranda blanka sonoril-forma floro, kiu floras fine de la vintro. (R)
41. La kapablo kaj tekniko turni vin ripete. (3-4)
43. Fino de la kaŝ-frazo (5+2+7+5+5+6)
49. Kavaĵ'; kio ekestas kiam oni fosas. (R)
50. Strato, foje eta, foje granda kun arboj ambaŭflanke.
51. Tio kio videblas se oni poluras metalan objekton, ekzemple.
52. Fama kanto: 'Se mi est___ riĉa...' Kondicionala finaĵo por verboj.
53. Dirus laŭte pro kor-afero (2-5)
54. Komence.
56. 'Venu momenton. Mi volas diri al vi ____.'
57. Malgraŭ. 'Mi pardonas vin, _____ vian malbonan faron.'
59. Vidigas. 'La kinejo ______ filmojn ĉiutage.'
62. Persono kiun iu registras por rajtigi partoprenon en evento, ekz. kongreso.
64. 'Bonvolu _______ mian gitaron – ĝi jam sonas false.'
66. Ŝmiraĵo per kiu oni povas purigi ŝuojn.
68. Maldifinita afero. 'Videblas ____, sed mi ne scias kio.'
69. *Mallonga nomo por fama apudmara urbego de Brazilo, fama pro karnavalo.*
71. 'Metu la pan-tranĉon en tiun aparaton kaj post unu minuto ĝi estos _______.'
73. Korpo-rilata. 'Morgaŭ en Biologio, okazos _______ leciono.
74. Ĉokolado estas ŝat__a inter infanoj (kaj ne nur inter ili!)
75. Unuo de elektra rezisto.
76. Grandega fajro.
77. Necesas por ke venu ideo en vian cerbon. (R)
78. Grup-ĉefo. (4-5)
79. La haĝo estas pilgrimado en la _____ religio.

Serenadis vir-kato nokt-meze
Plen-voĉe, miaŭe, kompleze.
Atendita post aŭdo
Tondra aplaŭdo
Sed venis frit-pato tre peze.

## VERTIKALE ↓

1. Amuza kvin-linia poemo. (jen ekzemplo! →)
2. Estis en grupo (sufikso kun finaĵo 2-2)
3. Mezuro de longo. 'La ______ inter Aŭstralio kaj Nov-zelando estas 2000 kilometroj.'
4. Malvere koncerne (5+3). 'Ili raportis ______ ____ la konkurso.'
5. Notinda tempo-daŭro. Ekzemple, la mez-______.'
6. La voknomo de la franca pensulo Descartes.
7. Peceto. 'Ne faligu pan__ojn sur la plankon!'
8. Grandan landon en Afriko vi skribu, kun ĉefurbo Abuĝa kaj haven-urbo Lagos.
9. 'Reĝino Viktorio regis ______ 1837 kaj 1901. Salzburg kuŝas ____ Vieno kaj Munkeno.
10. Plata briko uzata por konstrui tegmenton.
11. Sufikso kiu indikas malgrandecon. 'Manĝu kelkajn el tiuj kuk___oj.'
12. La ______ familio de Britio havas la nomon Windsor. Al tiu familio apartenas la reĝino, ŝia edzo, infanoj kaj nepoj.
13. Formas vortojn aŭ bildojn sur metala surfaco, ekzemple, de pokalo aŭ ŝildo.

14. Permesas eniri. 'Ni ______ personojn nur laŭ pasporto.'
15. Refutas. Maljesas.
16. Vorto komence de formala letero, por montri respekton al la ricevonto.
17. Centra Komitato (mallongigo) ... aŭ Cirka Klaŭno.
18. Komenco de spiona kaŝnomo. Sed interpretu ĝin litere, ne cifere.
19. 'Sonja ______ siajn pupojn antaŭ la reĝo-pupo. Kaŭzis ke iu malaltigu sin por trairi etan spacon aŭ montri respekton.
20. Sufikso kiu indikas daŭron. 'Tenu la buŝon fermita dum subakva naĝ___o.'
21. La grupo de saĝaj trejnitaj homoj kiuj decidas la rezultojn de proceso en kortumo, se ne estas ĵurio. (R)
22. Altan mallarĝan konstruaĵon, ofte trovebla en kastelo aŭ preĝejo.
23. La necesejoj estas ____ kaj inaj.
24. Tre multe kaj rezulto-done studis.
25. Nova tempo-zono? Tut-Karpata Tempo. (mallongigo)
26. Eksterordinara, malnormala. Kiel aparta instruaĵo. (R)
27. La sono de la tria litero de la Esperanta alfabeto. (ankaŭ la simbolo por karbon-monoksido kaj fama movada sidejo).
28. Speco de kartono uzata en pakado (vidu la bildon).



35. Por iu kialo. Malcerta motivo.
37. Universitato Nacia por Eduka Trejnado. (mallongigo)
38. Vasta regiono en nordorienta Rusio, tre malvarma vintre. (R)
40. Nacia Societo de Astronomoj. (mallongigo).
42. Individua Membro (mallongigo).
44. Insekteto kiu saltegas kaj vivas sur la haŭto de pli grandaj bestoj.
45. Malfiere. "Mi ne povas mensogi" diris _____ la juna Vaŝintono: "Mi forhakis la ĉeriz-arbon."
46. Laŭdi, aplaŭdi. (R) 'La publiko ______is la kantiston per dek-minuta aplaŭdado.
47. Jura Registro Internacia. (mallongigo).
48. Persono kiu pagis regulajn sumojn, ekzemple por la rajto loĝi en apartamento. (R)
55. Ĉarma aŭstralia urseto kiu vivas en eŭkaliptaj arboj kaj manĝas ties foliojn. (R)
58. Di-serve. En konvena, morala maniero.
60. Muzika sono kun difinita alto. Harmonia bruo. (R)
61. Surstrata Tram-Trajno (mallongigo).
63. Iu al kiu io okazos. La homo kiun oni laŭdos estas laŭd___.
64. Havi kor-inklinon. 'La princino komencas ____ la princon.'
65. Eleganta altranga virino. (R)
67. Substativa akuzativa finaĵo. 'La infanoj flugigas unu grandan kajt___.'
70. Luno vulkana de Jupitero.
72. En malcerta loko. 'Mia pupo estas ___ en la domo, sed kie?' Fama filmo, dublita en Esperanto titoliĝas: '___ en Eŭropo.'

*Ni metos la vortojn de la enigmo en la hejmpaĝon unu monaton post la apero de la revuo. Post du monatoj ni aperigos la solvon (kaj ankaŭ en la sekva revuo).*

*Ni lotumos libro-premion inter sendintoj de la ĝusta kaŝ-frazo.* *(vidu paĝon 34).*

# Interkultura mnd

**Rubrikestro:** Elena Nadikova,
Lernejo/Ŝkola 55
str. Leninskogo Komsomola 54,
RU-428037 Ĉeboksari, Rusio.
lena_espero@mail.ru.

Bonan tagon, karaj legantoj! Komenciĝis somero – la kutima tempo por vojaĝoj. Multaj esperantistoj vojaĝas tra la mondo al diversaj aranĝoj kaj renkontiĝoj. Nia rubriko ne volas esti escepto kaj invitas vin viziti unu el la plej interesaj kaj unikaj anguletoj de nia planedo – la lagon Bajkalon. Ĝi situas en Rusio, en la parto kiu nomiĝas Orienta Siberio, kaj estas la plej profunda kaj pura freŝ-akva lago en la mondo.



Se vi rigardos al la mapo de Rusio, vi vidos, ke la formo de Bajkalo similas al naskiĝanta lunarko. Lokaj loĝantoj nomas Bajkalon la maro. Kaj tio ne estas troigo. Tre ofte, eĉ en klara vetero, la alia bordo estas kaŝita per vualo, simila al nebulo. Ne videblas eĉ la montoj, kiuj kiel rondo kadras la lagon. Kaj tiu ĉi vualo estas tiom densa kaj travidebla, ke ŝajnas, ke la akvo kunfluas kun la ĉielo ĉe la horizonto. Tiel, kiel estas sur maro. Tio okazas ĉar la lago estas tre larĝa kaj la aero super ĝi estas tre pura.




Burjatoj [aborigena loĝantaro apud Bajkalo] diras, ke Bajkalo ne havas fundon. Ĝi estas ligita kun ĉiuj oceanoj, maroj, riveroj. En ĝia profundo situas arĝenta palaco de Arlik-Ĥan, Plenumisto de sortoj. Tie 88 korteganaj skribistoj skribas la Libron de sortoj de ĉiu homo, kiu naskiĝis sur la Tero. Laŭ kredoj de burjatoj, Bajkalo estas fonto de vivo. Por ekkonscii sin kiel homon, necesas lavi sin per ĝia sankta akvo.

En tiu ĉi belega kaj mirinda anguleto de naturo en julio 2007 okazis rendevuo de rusiaj esperantistoj – *RA*. *RA* estas ***Renkontiĝo de amikoj***. Amikoj, kiuj ŝatas kunesti, vojaĝi, kanti kun gitaro apud lignofajro, ekscii

ion novan kaj interesan. Kaj, interrilati en amata lingvo – Esperanto – kaj trovi danke al ĝi novajn amikojn el diversaj landoj kaj kontinentoj.

La ideo pri ***RA*** naskiĝis en Novosibirsko. En tiu urbo, kiun oni nomas en Rusio la ĉefurbo de Okcidenta Siberio, ekde 1999 funkcias E-klubo. Ĝi unuigas lernantojn kaj studentojn de Novosibirsko, kiuj volas lerni la internacian lingvon. Gvidas la klubon profesia pedagogo Ekaterina Arbekova.

Komence la gejunuloj agis ene de sia urbo. Kaj en 2001 ili decidis kunigi esperantistojn de Siberio kaj Fora Oriento. Tiel naskiĝis ***RA*** – ***Renkontiĝo de amikoj***. La celo de la aranĝo estas doni al homoj, kiuj loĝas malproksime de Eŭropo, la eblecon interkomunikiĝi en Esperanto kaj agi por Esperanto. Kaj ankaŭ eblecon vojaĝi (ja Rusio estas granda kaj la mondo – grandega), interkonatiĝi kun novaj urboj kaj novaj amikoj.

La unua ***RA*** okazis en 2001 apud Novosibirsko. La 21 partoprenantoj el 3 urboj de Rusio – loĝis en la ŝipo de la adoleskula klubo „Delfeno".

***Ra-2*** kalkulis jam 35 partoprenantojn el 6 urboj de Okcidenta kaj Orienta Siberio kaj okazis sur insulo en la Obja maro. ***Ra-3*** en 2004 estis la daŭrigo de la 60-a Internacia Junulara Kongreso en Kovrov kaj nomiĝis Postkongreso. Ĝi logis 23 partoprenantojn kaj inter ili – unu eksterlanda gasto el Nederlando.Tiel ***Ra-3*** iĝis jam internacia renkontiĝo.

Tamen la gejunuloj el la novosibirska klubo volis pli disvastigi sian agadon kaj organizis en la jaro 2005 karavanon tra Siberio. La partoprenantoj de ***RA-4*** traveturis 5 urbojn de Okcidenta kaj Orienta Siberio: La itinero estis Novosibirsko → Tomsko → Novokuznecko → Krasnojarsko → Irkutsko. En ĉiu urbo la gejunuloj rakontis al la loĝantoj pri Esperanto kaj okazigis renkontiĝojn kun lokaj esperantistoj. Finiĝis la vojaĝo sur la lago Bajkalo.

En tiu ĉi sama loko, apud Bajkalo, en julio 2007 okazis ***RA-5***. Sur la

bordojn de la granda lago kunveturis esperantistoj el 15 urboj de Rusio kaj ankaŭ el Francio. Entute ĉeestis 51 homoj. La programo de *RA-5* estis varia kaj abunda. Ĉiu tago havis sian propran nomon: Tago de Oriento, Tago de sporto, Tago de vojaĝantoj, Tago de literaturo, Tago de humuro, Tago de amo. La organizantoj preparis por la gastoj multajn interesajn aranĝojn kaj allogajn surprizojn.



## De tago al tago

Ekzemple, en la Tago de humuro la partoprenantojn atendis kursoj de gajaj sorĉistoj. Komencantaj sorĉistoj lernis sperton realigi siajn kaj fremdajn dezirojn, konkursis pri ŝercoj kaj anekdotoj. Dum Tago de Oriento okazis kursoj pri japana lingvo kaj vespere – tea ceremonio kaj rakontoj pri Japanio, kiun vizitis kelkaj partoprenantoj. Vespere en Tago de sporto ĉiuj *RA*-anoj apenaŭ tenis sin sur la piedoj pro laco, tiel fervore serĉis ili trezorojn, kaŝitajn en apudbordaj rokoj ĉirkaŭ la tendaro. Dum Tago de literaturo okazis prelego pri E- Literaturo kaj estis prezentitaj diversaj E-revuoj (inter ili REGo, *Juna Amiko* kaj *Komencanto*). Kaj dum la tagoj de vojaĝantoj kaj amo *RA*-anoj povis aŭskulti interesajn rakontojn pri diversaj okazaĵoj dum vojaĝoj kaj kortuŝajn historiojn pri amo.

Kiel kutime dum E-aranĝoj, por *RA*-anoj estis organizitaj E-kursoj por komencantoj, paroligaj kursoj, diversaj ekskursoj (inter ili al du interesaj muzeoj pri Bajkalo). Dezirantoj povis ludi, tuk-pentradi kaj plekti belajn ĉirkaŭkolaĵojn kiel memoraĵoj. La *RA*-anoj certe multe ĝuis belegajn ĉirkaŭaĵojn de la unika lago: ili preskaŭ ĉiutage piedmarŝis laŭ la bordo, tra rokplenaj montoj kaj tra reala siberia tajgo (arbaro).

Unuvorte, *Ra*-5 iĝis neforgesebla por ĉiu ĝia partoprenanto. Impresoj de la granda lago unuiĝis kun ĝojo de renkonto kaj interkomunikado kun samideanoj. Ĉiu *Ra*-ano forprenis en sia koro ***esperon*** al nova renkontiĝo kaj ***dankon*** al la bonega lingvo, kiu malfermas por homoj la mondon! ***Dankon al Esperanto!***

Raportis : Lena Nadikova. Ĉi-paĝa foto: Marina Martynihina

# UNU JARO DE LA INTERNACIA LABORGRUPO „LINGVOLANĈILO"

En marto de 1969 kreiĝis la Budapeŝta Medicina Esperanto-Fakgrupo. Jam ekde 38 jaroj ni pasigas grandan parton de nia libera tempo per antaŭenigo de la medicina aplikado de Esperanto. La pli ol 400 kunvenoj de nia Fakgrupo, la regule aperanta *Medicina Internacia Revuo* kaj la ĝis nun 15-foje aranĝitaj Internaciaj Medicinaj Esperanto-Konferencoj konvinke pruvas, ke la Internacia Lingvo Esperanto estas tute konvena por celoj de la scienco.

La vasta, scienca aplikado de Esperanto povos tamen realiĝi nur, se miloj kaj miloj da scienculoj parolos Esperanton. Por atingi tiun ĉi celon ni devas fari ĉion, ke en multaj lernejoj de la mondo oni instruu la Internacian Lingvon. Tial ni iniciatis en majo de 2006 la estigon de la Internacia Laborgrupo „Lingvolanĉilo".

*Jen la proponoj de nia Laborgrupo:*

Ĝis la fino de sia 8-a vivojaro ĉiu infano devus bonege alproprigi la gepatralingvajn fundamentojn de la parolado, legado, skribado kaj kalkulado. Por la 9-10-11-jaraj infanoj Esperanto estu la unue lernenda, fremda lingvo kaj kapabloevoluiga lernobjekto. En la 12-a kaj 14-a vivo-jaroj ĉiu infano devus komenci la lernadon de po unu fremda, nacia lingvo.

Pluraj lernejaj eksperimentoj pruvas, ke la lernado de Esperanto povas faciligi la alproprigon de la sekvantaj lingvoj averaĝe je 30 procentoj. Helpe de la supre skizita plano ĉiuj gejunuloj povus paroli en la tempo de la abiturientaj ekzamenoj mezgrade, minimume tri fremdajn lingvojn. Tiel ili povus ŝpari proksimume 2000 laborhorojn, tio estas unu plenan labor-jaron. La ŝparitaj mono kaj tempo estas uzeblaj por evoluigo de aliaj, bezonataj kapabloj.

Nia Laborgrupo subtenas do la tut-eŭropan disvastigon de la brita projekto „Springboard to languages" (Saltotabulo al lingvoj), pri kio vi povis legi la artikolon de *S-ino Angela Tellier* en la N-ro 1/2007 de *Juna Amiko.*

Ni tradukis Esperanten plurajn partojn de la angla-lingva retejo http://www.springboard2languages.org . Unu ekzemplon ni montras sur paĝo 35. La ĉefa motoro de tiu ĉi traduklaboro estas *S-ro Leo De Cooman* (Belgio). Uzante Esperanton kiel pontolingvon, pretiĝis jam pluraj, aliaj, nacilingvaj versioj, kiujn vi povas vidi sur nia retejo http://www.egalite.fw.hu redaktata de

*S-ro István Mészáros* (Hungario). La dokumentoj de *Springboard-* estas legeblaj ankaŭ sur la eminenta retejo de *D-rino Katalin Kováts* (Nederlando) http://www.edukado.net, serĉante en la rubriko „Lingvolernigaj projektoj". *S-ro Alexandre Kadar* en Francio pretigis apartan diskuto-liston (lingvolancxilo@googlegroups.com) por la jam proksimume 200 membroj kaj simpatiantoj de nia Laborgrupo. Helpe de la diskutlisto dum kelkaj horoj povas aperi la proponoj kaj la atingitaj rezultoj de niaj laborgrupanoj. En la pasintaj 12 monatoj ni dissendis jam 18 cirkulerojn.

La ĉefa pedagogia celo en la aĝogrupo de la 7-11-jaraj infanoj estas, ke ili malkovru mem la fundamentajn regulojn de la gramatiko de Esperanto kaj la utilecon de la lingvoscio – kaj ili nepre spertu sukceso-travivaĵojn. La infanoj devas informiĝi pri la fakto, ke la unuopaj lingvoj ne disvolviĝis izolite unu de la alia, ke la diversaj lingvoj havas komunajn vortojn, eĉ komunajn karakterizaĵojn. La lernantoj devas veni al la konkludo, ke ĉiuj lingvoj estas valoraj, ke ĉiuj lingvoj estas portantoj de kulturoj, kaj la malapero de lingvo signifas malaperon de kulturo.

La alia, grand-signifa projekto subtenata de nia Laborgrupo estas la „Interkultura kaj multlingva dialogo". Tiu ĉi projekto de S-ino Mariana Genĉeva (Bulgario) pretiĝis surbaze de la projektoj AKEL-1 kaj AKEL-2 de S-ro Luis Ladeira (Portugalio). La mallongigo AKEL signifas: Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj. S-ro Ermanno Tarracchini (Italio) planis la belegan, koloran emblemon de tiu ĉi projekto. La membroj de nia Laborgrupo tradukis kaj la tekston de la emblemo (vidu apude), kaj tiun de la projekto mem ĝis nun en 19 eŭropajn lingvojn. Oni povas vidi tiujn ĉi nacilingvajn versiojn sur la supre menciitaj retejoj.




La Eŭropa Komisiono deklaris la jaron 2008 la „Jaro de la interkultura dialogo". Ni povas kaj devas disvastigi la projekton *Interkultura kaj multlingva dialogo* en ĉiuj landoj de la Eŭropa Unio, kaj ankaŭ en ĉiuj eksteruniaj landoj de nia kontinento. La ĉefa celo de tiu ĉi projekto estas la interkonatiĝo de 12-18-jaraj gejunuloj, mezlernejanoj kaj skoltoj helpe de la neŭtrala, justa ponto-lingvo Esperanto. Tiu ĉi aĝo-grupo jam lernis fremdajn, naciajn lingvojn, kiuj estas malfacile lerneblaj, plenaj de gramatikaj esceptoj kaj idiotismoj, kaj ĉiuj, kiuj ne parolas ilin kiel gepatran lingvon, povas esti nur „duarangaj lingvouzantoj". Helpe de Esperanto oni povas sperti la veran, lingvan egalrajtecon.

**Vort-klarigoj**

*konferenco:* granda kunveno
*apliki:* uzi
*iniciati:* komenci, lanĉi
*propono:* sugesto, ideo
*alproprigi:* lerni
*fundamento:* bazo
*skizi:* malnete desegni, priskribi
*abiturienta:* lernejo-fina
*ŝpari:* ne devi elspezi
*eminenta:* elstara, fama
*travivaĵo:* tio, kion oni spertas
*karakterizaĵo:* eco, difina kvalito
*disvastigi:* konigi, diri al multaj
*filozofio:* vivo-kredo

Por la gejunuloj Esperanto estos „lingva aventuro", helpe de kiu ili povos akiri interesajn, eksterlandajn amikojn, travivi personajn renkontiĝojn, ekkoni aliajn filozofiojn, kulturojn kaj kutimojn, sperti veran, internacian kunlaboron, foje-foje eĉ travivi la unuan amon...

Se vi mem, Kara Leganto, aŭ viaj konatuloj volonte partoprenus la agadon de nia laborgrupo, bonvolu skribi al nia retadreso: ludoviko@freemail.hu .

*Lajos Molnár kaj Julianna Farkas*

La premio por nia krucvortenigmo sur p. 26 estas nova libro de la verkinto de la enigmo.

Kio enestas? Unu poemo, unu rakonto pri tre frenezigaj komputiloj, kaj kvar teatraĵoj, tri el tiuj pri la aventuroj de la Esperanta spiono 005. La eroj havas ekzercojn, ludojn, enigmojn - enestas ankaŭ rol-ludoj – ĉio konvena por grupa uzo en progresiga kurso. Por tiuj, kiuj ne konkursos, la libro mendeblas de la eldoninto, Flandra Esperanto-Ligo. €19.90. www.esperanto.be




Malnovaj numeroj de *Juna amiko* mendeblaj ĉe <stefan.macgill@gmail.com>. Vidu haveblo-liston en <www.lernu.net> ĉe Biblioteko. 3 ekz. €6, 7 ekz. €9, 14 ekz. €14. Egale ĉu identaj aŭ malsamaj ekzempleroj; 2006 kaj pli malnovaj.

Respondo al la krucenigmo el 2007/1

| | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E | N | L | A | V | I | V | O | Ś | A | N | Ĝ | O | E | S | T | A | S | Ċ | I | A | M | C | E | R | T | A |
| R | U | I | N | O | | I | | A | | P | A | R | K | E | R | | P | A | | R | O | | S | E | | M |
| I | | T | I | R | K | O | S | T | O | | R | I | T | M | O | | O | R | F | O | N | | T | E | L | |
| K | R | O | M | E | N | L | A | U | Z | A | D | O | D | E | V | E | N | D | O | M | A | Ś | I | N | O | J |
| E | U | | A | G | A | | Ŭ | | O | R | E | L | | T | O | S | T | A | S | | T | I | M | I | G | A |
| J | A | | L | A | B | O | R | O | N | | N | O | T | O | | K | A | Ŝ | I | T | O | | E | R | A | R |
| O | S | T | O | S | A | K | O | | O | N | O | J | | J | U | A | N | O | | E | N | O | | A | S | O |

# Respekto por aliaj homoj kaj aliaj lingvoj

Ĉu vi scias, ke preskaŭ ĉiuj lernejoj nutempe estas multkulturaj kaj multnaciaj kaj ofte la unua lingvo de infano, aŭ la lingvo uzata hejme kaj en la loka komunumo estas ne la angla? Mi pensas, ke la lingvo kaj kulturo de ĉiu infano meritas ke oni taksu kaj traktu ilin per egala respekto.



Efektive! Kaj por kuraĝigi tiun respekton estas gravege prezenti ĉiujn lingvojn kiel egalvalorajn. Se oni uzus la anglan kiel bazan lingvon por veki konscion pri aliaj lingvoj, kiel en ĉi tiu modelo...




... infanoj eble venus al maldezirindaj konkludoj. Ili povus pensi: 'La angla estas la monda lingvo', 'La angla estas pli bona ol ĉiuj aliaj lingvoj', 'Mia lingvo estas pli bona ol la via' kaj sekve: 'Mi estas pli bona ol vi'.

Aliflanke la uzo de neŭtrala kaj justa lingvo kiel lanĉilo al aliaj lingvoj, jene...








... transdonas la mesaĝon, ke ĈIUJ lingvoj rajtas je respekto kaj egaleco; infano komencas kompreni...



... ke: 'Ĉiuj lingvoj estas egalaj', 'Ĉiuj lingvoj estas egalvaloraj' kaj sekve: 'Ni ĉiuj estas egalaj' kaj 'Vi meritas tiom da respekto, kiom mi'. Bonege!

www.springboard2languages.org

Árpád Rátkai

⑤

# Bildoj el la historio de ESPERANTO

## V. Praepoko kaj „franca periodo”

Rusa judo, la kuracisto *Lazar Markoviĉ Zamenhof* (1859-1917) verkis kaj eldonis la projekton *Lingvo Internacia* en 1887. Ĝi aperis en la urbo Varsovio, en kvar lingvoj, en apartaj broŝuroj, sub la plum-nomo *Dr. Esperanto*. La ruslingva varianto eliris la unua, la 26-an de julio kaj baldaŭ sekvis ĝin la pola, franca kaj germana eldonoj kun la titolo *Lingvo Internacia* en la respektivaj lingvoj. Tiujn kvar, esence identajn broŝurojn kune oni nomas tradicie *Unua Libro*. La plumnomo de la aŭtoro poste transiris al la lingvo mem, tiel Esperanto iĝis sinonimo de Lingvo Internacia.

En la sekva jaro aperis la *Dua libro de l' lingvo internacia* sub la plumnomo *D-ro Esperanto*. Fakte ĝi estis la unua libro en Lingvo Internacia, ja la kvar supre menciitaj estis ne en sed nur pri la lingvoprojekto, kvankam kun kelkaj teksto-modeloj.

La uzantojn de la lingvo oni komencis nomi esperantistoj. La unuaj esperantistoj vivis diaspore en pluraj landoj, kaj komunikiĝis inter si per leteroj. Laŭ Waringhien „oni povas diri, ke same kiel kristanismo elkreskis el la grek-lingvaj sinagogoj, tiel Esperanto enplantiĝis en la volapukistajn rondojn, kaj tie ekfloris.” La afero tamen ne evoluis glate. Akra kaj disdivida diskuto disvolviĝis pri ŝanĝoj kaj modifoj en la lingvo.

Forumo de la diskutoj estis la unuaj Esperanto-revuoj. Nurenberga Mondolingvo-Asocio ŝanĝis sian subtenon de Volapuko al Esperanto, kaj eldonis la revuon *La Esperantisto* (1889-1995) ĝis la elĉerpiĝo de la forto de mecenatoj. Poste en la sveda urbo Upsala aperis *Lingvo Internacia* (1895-1899), sed ankaŭ ĝi havis la saman sorton, kaj devis anonci sian ĉeson. Tamen en la lasta momento la presisto Pál Lengyel prenis sur sin la eldonan taskon, kaj la revuo en la jaroj 1900-1904 aperis en la hungara urbo Szekszárd [Seksard].

*Lingvo Internacia* iĝis ne la sola, sed „nur” la ĉefa organo de kreskanta movado. Krom la revuoj pli kaj pli ofte aperis ankaŭ libroj pri kaj en Esperanto. Ekĝermis Esperanta literaturo tradukita, eĉ originala. La lingvo komence ekzistis preskaŭ ekskluzive en skriba formo, sed la esperantistoj pli kaj pli ofte renkontiĝis, kaj apud la skriba lingvo disvastiĝis ankaŭ la buŝa.

La movado disvastiĝis ankaŭ geog-

rafie. En pli kaj pli da urboj formiĝis esperantistaj kluboj, grupoj. Fondiĝis landaj esperantistaj organizaĵoj: unue la franca (1898), kaj en la jaroj 1902-1905 unu post alia svisa, itala, hungara, hispana, brita, meksika, dana, brita, belga, nederlanda kaj usona landaj asocioj. Esperanto komence en Rusio altiris la plimulton de la novaj adeptoj, sed en la nova jarcento jam en Francio. Oni eĉ parolas pri „franca periodo".

La financa stato de *Lingvo Internacia* firmiĝis, ĉar kreskis la nombro de la abonantoj. Pál Lengyel transloĝiĝis en Parizon kaj tie daŭrigis ĝian eldonon (1905-1914). Plimultiĝo de esperantistoj vekis konkurencon de eldonistoj. Inter ili elstaris la renoma *Hachette* en Parizo, kiu komencis serion de bazaj verkoj, precipe tiuj de Zamenhof.

Dum la impeta disvastiĝo evidentiĝis, ke la lingvaj demandoj estas nur unu el pluraj problemoj de la movado. Ekzemple la fakto, ke tiutempe kulminis antisemitismo kaj en Rusio, kaj en Francio, havis strangajn konsekvencojn. Oni komencis kaŝi, aŭ almenaŭ forgesigi la judan devenon de Zamenhof. Oni komencis elekti el inter diversaj eblaj celoj. Adeptoj de praktikaj celoj elpaŝis kontraŭ „idealistoj". Oni klopodis klarigi la rilaton al la religioj, al la politiko ktp., sed diversmaniere. Konturiĝis multaj facetoj de la movado.

En tiuj cirkonstancoj en 1905 oni kunvokis la unuan internacian kongreson de esperantistoj al la franca urbeto *Bulonjo* (Boulogne-sur-Mer).

## DIVENU

### pri kiuj profesioj temas!

1. tiu, kiu resanigas homojn
2. homo, kiu faras panojn, bulkojn
3. li zorgas pri plantoj, fruktoj kaj legomoj
4. tiu, kiu stiras aŭtobuson, kamionon aŭ taksion, nomiĝas
5. homo, kiu priservas gastojn en restoracio
6. uniformulo, kiu zorgas pri publika ordo
7. li (re)kolorigas murojn, pordojn, fenestrojn
8. sportisto, kiu kuras aŭ ĵetas aŭ saltas
9. estro de lernejo, oficejo, ktp.
10. homo, kiu faras gazeton, teleprogramon
11. kaŝ-policisto
12. homo, kiu surscenigas teatraĵojn, realigas filmojn
13. armeano
14. instruisto, edukisto, profesoro
15. prezidanto de respubliko
16. pied-pilkisto
17. homo, kiu servas nin en vendejoj.
18. persono, kiu prizorgas negocajn aferojn
19. homo, kiu varmigas loĝejojn, domojn
20. artisto, kiu verkas poemojn
21. persono, kiu faras tag- kaj vespermanĝojn
22. homo, kiu faras planojn de domoj, maŝinoj
23. tiu, kiu reproduktas bestojn por homa uzado
24. homo, kiu faras har-aranĝojn

*Kontrolu vin sur paĝo 50.*

# EDUKADO en VJETNAMIO

### I. Por infanoj (post infan-vartejo)

- **Unua-grada** (elementa) **lernejo** por 6-10 jaruloj. La lernado daŭras 5 jarojn. Ĝi estas deviga kaj senpaga.
- **Duagrada lernejo** por 11-14 jaruloj. La lernado daŭras 4 jarojn. Ĝi estas deviga (sed ne en foraj kaj montaraj regionoj) kaj pagenda. La lernantoj de la duagrada lernejo devas trapasi ekzamenon de fin-studoj kaj la sukcesintoj povas entrepreni eniran konkurson de triagradaj lernejoj.
- **Triagrada lernejo** (alta mez-lernejo) por 15-17 jaruloj kun lerno-kotizo kaj studo-daŭro de 3 jaroj. Ĝi ne estas deviga. Fine de la studoj la lernantoj trapasas abiturientan ekzamenon.

### II. Por diplomitoj el dua- kaj triagradaj lernejoj

- Mezgradaj **meti-lernejoj** (teknika, pedagogia, medicina, historia, farmacia, turisma, ktp.)
- **Superaj lernejoj** kun studo-daŭro de 3 jaroj.
- **Universitatoj**. La studoj daŭras 4-7 jarojn.

**STUD-OBJEKTOJ**

En **elementaj lernejoj**: *matematiko, vjetnama lingvo, historio, geografio, kantado, desegnado, gimnastiko, moralo*. La *angla lingvo* estas instruata de la 2a ĝis la 4a klasoj.

En **mezlernejoj** krom la supre menciitaj: *fiziko, civitanaj rajtoj* kaj *metio* (kuirado aŭ elektrotekniko), *informadiko* (de la 6a klaso) kaj *kemio* (de la 8a klaso).

* * *

En ĉiuj publikaj kaj privataj lernejoj (escepte la elementan) oni devas pagi lernokotizon. Enira aŭ priakcepta ekzameno estas deviga por triagradaj lernejoj, metilernejoj, superaj lernejoj kaj universitatoj. Infanoj de malriĉaj familioj kaj handikapuloj ne pagas lernokotizon aŭ pagas ĝin po-parte, eminentaj lernantoj, studentoj gajnas stipendiojn de la ŝtato aŭ de privataj kompanioj kaj filantropiaj institucioj kaj helpemaj individuoj.

Pro manko de lernejoj, lernantoj kaj studentoj havas kurs-horojn aŭ matene aŭ posttagmeze. La sama konstruaĵo servas al du apartaj lernejoj.

Tri fojojn semajne la lernantoj devas porti uniformojn, kiuj varias laŭ lernejoj.

Pluraj lernantoj prenas privatajn lecionojn pri matematiko, fiziko, kemio, literaturo kaj la angla lingvo, kiu estas la ĉefa fremda lingvo, instruata en lernejoj. Ankaŭ la franca, ĉina kaj rusa lingvoj estas instruataj, sed en malmultaj lernejoj. La sci-povo de la angla lingvo kaj informadiko estas gravaj kondiĉoj por akiri laboron.

1 estas la plej malbona kaj 10 – la plej bona takso-cifero por ĉiuj lernejoj.

La lernantoj ĝuas tri-monatajn somerajn feriojn (junio, julio, aŭgusto).

Dum 10 jaroj, de 1996 ĝis 2005, la vjetnamaj lernantoj, kiuj partoprenis en Internaciaj Olimpiaj Konkursoj, ricevis jenajn medalojn:

| Studobjektoj | Oraj medaloj | Arĝentaj medaloj | Kupraj medaloj |
|---|---|---|---|
| Matematiko | 21 | 27 | 10 |
| Fiziko | 4 | 17 | 23 |
| Kemio | 5 | 16 | 14 |
| Biologio | 1 | 3 | 17 |
| Informadiko | 8 | 12 | 16 |

Universitatoj havas organizojn de studentoj-volontuloj kiuj, dum someraj ferioj, partoprenas en ĝenerala klerigado en foraj kaj montaraj regionoj. Ili lernigas al tieaj popolanoj la uzadon de komputilo, kaj helpas malriĉajn familiojn en la ĉiutaga vivo.

De jaro al jaro kreskas la nombro de personoj, kiuj studas eksterlande. Eminentuloj ricevas stipendiojn, la ceteraj pagas mem la stud-kostojn. Pli kaj pli kreskas la nombro de agregaciuloj kaj doktoroj pri scienco kaj tekniko. El la totala nombro de universitataj profesoroj la procento de agregaciuloj estas 32.26 kaj tiu de doktoroj 12.43. Ĝis la jaro 2010 ili estos 40 kaj 25.

Jen horaro de 13-jara knabino, lernanto de 7a klaso (mezlernejo):

| | Lundo | Mardo | Merkredo | Ĵaŭdo | Vendredo | Sabato |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Geografio | Civitanaj rajtoj | Angla lingvo | Angla lingvo | Biologio | Biologio |
| 2 | Muziko | Historio | Algebro | Metio[1] | Angla lingvo | Desegnado |
| 3 | Metio[1] | Geografio | Geografio | Literaturo | Literaturo | Informadiko |
| | *15-minuta paŭzo*[2] | | | | | |
| 4 | Standardo-saluto[3] | Literaturo | Fiziko | Geografio | Historio | Informadiko |
| 5 | Algebro | Literaturo | Korpokulturo | Kunsido | Korpokulturo | |

[1] Plantado kaj bredado [2] Lernantoj nur post la 3a leciono havas paŭzon.
[3] Ĝi celas instrui patriotismon (rememoroj pri gravaj dat-revenoj, naciaj herooj ktp.)

*Nguyen Thi Ngoc Lan*

*abituriento:* kiu sukcese finis mez-gradajn studojn / *agregacio:* alta konkurso por akiri dungon de instruistoj en altlernejoj, universitatoj / *diplomo:* oficiala atestilo pri io / *farmacio:* scienco pri kuraciloj / *filantropio:* amo kaj helpemo al homoj / *handikapo:* psika aŭ korpa malhelpo / *institucio:* daŭra publika organizo / *kompanio:* grupo, kiu direktas entreprenon / *kotizo:* mono regule pagenda por iu servo aŭ aneco en organizo / *moralo:* instruo pri celinda konduto kaj homaj devoj / *patriotismo:* amo al la patrujo / *stipendio:* mon-helpo regule pagata al studento / *uniformo:* vestaĵo portata de ĉiuj membroj de iuj profesioj, ekz. soldatoj, policistoj / *varti:* gardi kaj prizorgi bebon, infaneton.

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Stud-objektoj

– Imagu, ĉi-jare ni jam eklernos ankaŭ fremdan lingvon!
– Ĉu vere? Kiun?
– Esperanton. La lernejestro decidis, ke plej oportune estos komenci lingvolernadon per Esperanto.
– Ni eklernos la francan... Kaj dum kiom da jaroj vi lernos Esperanton?
– Dum kvar. Sed post la tria ni ver-ŝajne eklernos unu plian lingvon. Se tiu dua lingvo estos la franca, mi vetos, ke post 5 jaroj mi regos ĝin ne malpli bone ol vi.
– Mi ne ŝatas lingvojn... Eble ankaŭ mi devus komenci ĝuste per facila lingvo. Mi preferas gimnastikon, atletikon, pilk-ludojn.
– Certe vi estas pli lerta ol mi. Min pli interesas historio, geografio, ankaŭ biologio kaj legaĵoj en la lernolibroj kaj literatura tekstaro.

*Kiu(j)n fremda(j)n lingvo(j)n vi studas en la lernejo? Ĉu iu el ili estas deviga?*
*Kiujn studobjektojn oni instruas al vi? Kiu(j) estas via(j) preferata(j) studobjekto(j), kaj kial? Kiu(j)n studobjekto(j)n vi tute ne ŝatas?*
*Desegnu vian plej ŝatatan instruist(in)on – kia ŝi / li estas?*

## II. Dum instru-horo

– Nu, geknaboj, antaŭ ol trakti novan ĉapitron, mi demandados vin pri kio ni lernis last-foje. Kiu povas respondi, tiu levu la manon!
– Mi deziras demandi ion: ĉu ne eblas aŭskulti, prefere, tekston de magnetofono?
– Ne, tio okazos en alia tempo, nun mi volas kontroli, ĉu vi bone komprenis la antaŭan materialon.
– Sinjoro instruisto, ĉu ne kontroli la hejmtaskon nun, kune?
– Ne, mi sola korektos ilin hejme, kaj nun mi pridemandados vin! Manjo, resumu la temon de la antaŭa leciono! Vi povas veni al la tabulo kaj fari skizon. Paŭlo, Karlo! Ĉesu babili! Ne sufloru al Manjo!
– Sinjoro instruisto, Karina donis kaŝ-helpilon al Manjo!
– Silentu, hodiaŭ vi estas miskondutemaj! Ne denuncu



alian! Kuraĝon, Manjo! Nu, komencu la temon!
– Lecion-fina sonoro! Paŭzo!!!

*Ĉu ankaŭ vi ne ŝatas dumlecionan pridemandadon, precipe kiam vi ne bone regas la materialon? Estas oportune elpensi trukojn por prokrasti ion, ĉu ne? Kiel vi kondutas dum la instruhoro? Ĉu vi jam estis punita pro iu petolaĵo? Skribu al nia redakcio la okazaĵon!*

## *III. Post leciono*

– Salut', Marko! Ĉu vi trejnas vin pri pezo-levado?
– ???

– Mi vidas, ke vi apenaŭ povas trenaĉi vian lernejan sakon!
– Ho, jes... Mi enpakas ĉion, kion mi bezonas por la tuta semajno: librojn, kajerojn, mapon, desegno-blokon, felt- kaj globkrajonojn, liniilon, triangulilon, cirkelon, penikojn, akvofarbon, sportan vestaĵon kaj sandviĉojn por posttagmezo... Kaj kien vi rapidas?
– Al la student-hejmo. Ni loĝas kvarope en la ĉambro, kaj ni interkonsetis kunlerni ĉi-posttagmeze. Mi sam-loke abonas por tagmanĝo.
– Ankaŭ mi cerbumas pri studenthejmo... Estas pli efike lerni en grupo, kaj mi ne estus troŝarĝita almenaŭ fizike. Ĉu vi demandus pri la kondiĉoj?
– Volonte mi faros tion por vi!

*Kutime kion enhavas via lerneja sako? Ĉu vi kontrolas, repakas ties enhavon ĉiu-tage? Ĉu vi ofte kunportas nenecesajn aĵojn?*
*Pri kio vi okupiĝas post la lecionoj? Ĉu vi kutimas kunlernadi kun viaj samklasanoj? Kiom ofte? Kia(j) estas la studenthejmo(j) en via lando? Kaj en via urbo, ĉirkaŭaĵo? Kiomope vi loĝas en la ĉambro? Kiel ĝi estas meblita? Kie vi povas duŝi / lavi vin, manĝi, lerni, sporti, ripozi, amuziĝi?*

*denunci:* sciigi al estro ies kulpon / *kontroli:* esplori por konstati ion / *skizo:* sendetala prova skribaĵo / *suflori:* mallaŭte diri por helpi / *trakti:* per diskuto veni al interkonsento / *trejni:* per ekzercoj igi iun kapabla por iu tasko.

*treni:* tiri post si ion pezan / *truko:* elpensita lertaĵo.

## Legendo de araŭka* avineto

*La infanoj estas en kabano ĉirkaŭ la avineto. Dum ŝi ŝpinas lanon de ŝafo ŝi rakontas legendon el la tempo antikva, kiun ŝi aŭdis de siaj praŭloj.*

# KIEL FORMIĜIS LA LAGOJ

Araŭka junulo loĝis meze de arbaro. Li manĝis fruktojn, manĝeblajn plantojn kaj radikojn, arbajn kaj terajn fungojn. Tiom li ŝatis la bestojn, ke li emis paroli kun ili.

Iun tagon li ripozis, kiam li vidis formikon, kiu estis kaptita de la arba rezino. Dum la junulo liberigis ĝin, li aŭdis mildan voĉon, kiu diris al li:

„Fosu, fosu ĉi tie…!”

Tiam la junulo ekfosis la teron tre proksime de la arbo kaj el la fosaĵo ekŝprucis akvo, multe da akvo, kaj tiel estiĝis lago.



Alian tagon, kiam li promenis tra la arbaro, li trovis junan pumon kaptitan en rubusujoj. La junulo eltiris la dornojn, kiuj postrestis en la haŭto de la besteto. Kiam li forprenis la dornojn, abunde elŝprucis sango, sed la junulo haltigis ĝin per kuracaj plantoj kaj iomete da akvo.

La besteto dankis lin kaj diris:

„Fosu, fosu ĉi tie…!”

La junulo rapide fosis per siaj manoj kaj – kia surprizo! – el la foseto ekŝprucis alia fonto.

Tiel, ĉiam kiam la araŭka junulo liberigis insekton, forigis dornon, protektis ŝafon… elŝprucis akvo el la fundo de la tero.

Tiel formiĝis la lagoj de Araŭkujo.

Elhispanigis: *Jozefo de Jesús Campos Pacheco, Kubo*

*** Araŭkujo estas regiono en Ĉilio kaj okcidenta Argentino, kie vivas indianoj, kies nomo estas araŭkoj.**

*antikva:* pratempa / *dorno:* kreskaĵa pikilo / *formiko:* nigra insekto vivanta en granda societo / *kabano:* dometaĉo / *lano:* hararo de ŝafo / *legendo:* rakonto pri tre malnova okazaĵo / *pumo:* besto (vidu la bildon) / *ŝpini:* fari fadenon el lano, ekzemple / *ŝpruci:* rapide kaj forte eliĝi.

# Kial la somer-horaro?



Komence ni rimarku tion, ke somerhoraro konvenas nur por tiuj ter-globaj regionoj, kiuj estas malproksimaj de la ekvatoro, ĉar ju pli malproksime de ĝi ili troviĝas, des pli daŭraj estas la tagoj kaj des malpli longaj estas la noktoj en somero.

Tio okazas pro la klino de la rotacia akso de la terglobo, kiu angulas 23,5 gradojn rilate al orta akso de la ebena tergloba vojo ĉirkaŭ la suno.

Do en somero, la neekvatoraj regionoj sin turnas al la suno dum pli da tempo.

Kaj nun ni konsideru, ke ĝenerale oni kutime dormas de la 22a horo ĝis la 6a de la sekva tago, tio estas, 8 horojn.

Ĉar la tago en somero pli longe helas, tial la dorma periodo, supre menciita, daŭras en realo de la 21a ĝis la 5a horo dum somerhoraro. Sekve, oni enlitiĝas 1 horon pli frue, ŝparante elektran energion en la hejmoj kaj laborlokoj.

Pri tio, dum tiu jar-sezono, kelkaj landoj adaptas somerhoraron "ĝustigante" siajn horloĝojn 1 horon antaŭen!

Interesas observi, ke bestoj ofte uzas por dormado la periodon simetrian rilate al la 0a horo. Ili dormas, ekzemple, de la 20a ĝis la 4a horo, tio estas 4 horojn antaŭ kaj 4 horojn post la 0a horo (nokto-mezo).

Kiel ĉiam, Naturo saĝas! Ni lernu de ĝi!

*Evandro de Freitas, Brazilo*

*adapti:* alĝustigi / *akso:* rekto, ĉirkaŭ kiu turniĝas globo, rado k.t.p. / *ekvatoro:* imaga ĉirkaŭlinio de la tero, egal-distanca de la norda kaj suda polusoj / *periodo:* tempo-daŭro, kiu ripetiĝas / *rotacii:* daŭre ĉirkaŭ-iri kiel rado ĉirkaŭ sia akso.

## Esperanto-Radio el hungara urbo Jászberény [:Jasberenj]

Antaŭ kelkaj monatoj hungara esperantisto, s-ro *Ferenc Hornyos* [Hornjoŝ] lanĉis interretan radio-elsendon esperantlingvan. Ĝi estas tute senpaga, nekomerca kun ne elŝuteblaj programoj. La radio deziras disvastigi Esperantajn kantojn, muzikojn kaj literaturaĵojn. Krom la supre menciitaj ĝi disaŭdigas intervjuojn, prelegojn, aktualaĵojn, reklamojn. La programo estas aŭskultebla tage-nokte kaj jam havas amplekson de pli ol 63 horoj.

Por aŭskulti ĝin klaku al la ligilo: ***http://87.242.26.81:8000/listen.pls*** aŭ malfermu vian ludilon kaj „File">"Play URL", enskribu: ***http://87.242.26.81:8000***

Reklamoj en Esperanto estas senpagaj.

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur RAGNARSSON. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel-konscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

BILDOJ EL LA HISTORIO

## 25 Clelia Conterno GUGLIELMINETTI (1915-1984)

*La tagolumo forvelkadas lante,*
*oblikvas jam sur griziĝantaj paĝoj.*
*Jam palas super ili*
*la vizaĝoj.*
*Kaj horon gute sek-*
*vas hor' konstante.*

*Printemp' ekstere*
*brilas diamante.*

Estas ofte interese mediti nur pri kelkaj linioj de poemo sen unue legi la tutan poemon kaj tiel provi imagi ĝiajn cirkonstancojn. Ni rigardu ekzemple la suprajn liniojn el poemo de la poetino, kiun mi prezentas al vi hodiaŭ. Ni tuj konstatas en la unua linio la tempon: estas malfrue en la tago. La dua linio indikas la lokon, probable bibliotekon kun malnovaj libroj, tion aludas la "griziĝintaj paĝoj". La vizaĝoj en la tria linio enkondukas personojn, evidente la legantojn, la ideo pri biblioteko estas fortigita, estas klare, ke temas pri homoj sidantaj super malfermitaj libroj. Kiuj estas la homoj? Ĉu junaj, maljunaj? La kvara linio konstatas malrapidan pasadon de la tempo, tio esprimas senpaciencan atendadon, do probable temas pri junaj homoj. La lasta linio tion definitive pruvas, la printempo ekstere allogas la junulojn.

En bonaj poemoj ĉiu linio gravas, efektive ĉiu vorto gravas. En la supre cititaj linioj la vortoj *forvelkadas, oblikvas, griziĝintaj, palas, gute,* estas ĉiuj zorge elektitaj por krei senteblajn bildojn. La poemo mem havas la titolon *Universitata biblioteko*, kaj temas pri kontrastoj inter enfermiteco kaj libereco, inter studoj kaj ludoj, inter devoj kaj deziroj. Jen la du antaŭaj partoj:

*Vizaĝoj junaj sur maljuna saĝo*
*de ŝim-odoraj paĝoj de volumo*
*sin klinas en silenta duonlumo*
*de l' salonego, krada scio-kaĝo.*

*La bretoj polvas en obtuzo dorme,*
*severe gardas la kultur-sekretojn.*
*Singardaj voĉoj ŝpare flustras petojn;*
*sporadaj gestoj raras ombroforme.*

La supra poemo devenas el la komencaj jaroj de la poetino kiel instruisto en altlernejo, el la unua parto de ŝia

poemaro *Eta vivo*. Pliaj poemoj el tiu tempo esprimas la kontraston inter la postulaj studoj kaj la ekstera libero.

**Clelia Conterno-Guglielminetti** estis italo, ŝi lernis Esperanton en 1934, tiam 19-jara. Ŝi studis beletristikon en universitato pri kiu ŝi poste doktoriĝis. Ŝi multe aktivis por Esperanto en sia hejmlando, redaktoris revuojn kaj okupis postenojn en la itala Esperanto-movado. Ŝi kunlaboris en multaj gazetoj kaj premiiĝis en literaturaj konkursoj. Dum jaroj ŝi estis membro de la Akademio de Esperanto. En la itala lingvo ŝi verkis du poemarojn kaj unu romanon, en Esperanto unu poemlibron kaj novelojn.

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

La poemaron ***Eta vivo*** (1969) oni povas rigardi kiel personan viv-rakonton. La poetino esprimas siajn pensojn kaj sentojn per poemoj, kiuj respegulas ŝiajn sintenojn kaj reagojn al la okazaĵoj kaj eventoj, kiuj influis ŝian vivon, ĉiutagan kaj ja ofte tragikan. La tempo estis malkvieta, la milito kaj la postmilitaj jaroj multe pezis sur ŝia animo. En enkonduka poemo sen titolo ŝi rakontas pri nigra kajero, iaspeca taglibro; ŝi alparolas la kajeron: *Kajero nigra ... enfermas vi susurojn / pri eta vivo ina sengraveca ...* Tiu ideo pri "eta vivo", estas multe ĉeesta en la poemoj de Clelia, intime ligita al ŝia konscio pri ŝia pozicio kiel virino, pozicio "sengraveca" en mondo de kruelo kaj stulto: *ho nigra kajero / fariĝis mistero / danĝero / ĉar mute vi kriis / ke lupoj ĉeestas / ke bestas / la hom'al la homo.* Oni povas kompreni el kelkaj poemoj, ke ŝin rekte trafis la milita kruelo, ke ŝia fianĉo estis arestita kaj forsendita en germanan koncentrejon. En poemo precize datita je la 9a de septembro 1943 kaj lokita en la urbo Mantovo oni legas pri tiu terura okazaĵo kaj ŝia malespero:

*La tutan tagon mi vin serĉis kure*
*en malespero, tra la urbo tuta,*
*la urb' horore fariĝinta muta;*
*mi trovis vin kaptita.*
*Trans la kradoj mi vidis vin: vi ŝajnis*
*Jesuo krucumita.*

La suferanta virino serĉas konsolon kaj esperon en sia religio, ŝi estas kristana kredanto; ŝi preĝas por lia reveno: *Lin savu, Dio / je la nomo de ĉi dolora krio.* En poemo titolita *Reveno postmilita* oni ja povas diveni, ke revenis ŝia amato, sed io grave ŝanĝiĝis: *Domo nia, kial vi forpuŝas / kial, domo,*

# VERDA PAĜO

## FAKTOJ KAJ ARGUMENTOJ PRI ESPERANTO

**Tiu ĉi rubriko servas niajn novulojn. Oni ofte faras al ni demandojn, kiujn – pro manko de sperto – estas malfacile respondi, konvinke rebati. Ĉi tie ni deziras liveri utilajn faktojn kaj respondojn.**

*vi ne volas nin?* La domo ne estas la sama kiel antaŭe, ĝi estas senorda, kaduka, ĉu tio estas objektiva aŭ subjektiva impreso, oni ne povas scii. Tragikaj aferoj ja postlasas profundajn spurojn.

Oni povas provi tiel plulegi la vivrakonton de la virino. Ŝi sopiras havi infanon, kaj kortuŝas la leganton ŝia malespero en *Infano mortnaskita:*

*Li venis, pasis, nun dormas en humo;*
*celis forgliti preter atento,*
*kiel mortadas de l' tago la lumo,*
*kiel tintado sin perdas en vento.*

Kaj same oni partoprenas ŝian feliĉon, kiam ŝia sopiro plenumiĝis; tiam ŝi verkas kantikon, laŭdan kaj dankan himnon al Dio: *Laŭdata Vi estu, Sinjoro / pro dolĉa de mi kreitaĵo.*

Sed la poemoj de Clelia ankaŭ havas aliajn temojn. Ŝi verkas pri naturaj scenoj, pri floroj, pri feliĉigaj momentoj je sunleviĝo kaj sunsubiro. En poemo pri vespero en boato ni vidas ŝin, patrinon, kun infano kaj patro: *Kaj ni, triopa kuno / senvorte ni lulataj / en milda sorĉo de la lasta suno.*

La poemoj de Clelia Conterno-Guglielminetti estas grandparte senrimaj kun mallongaj linioj kaj en simpla, ordinara lingvo. Tio faras ŝiajn poemojn sufiĉe alireblaj por legado, kvankam ofte senteblas aludoj al io nesolvita, io enigma, io trista, kio ne facile forlasas ŝian animon. En poemo pri ŝia dormanta filo ŝi diras: *Vi estas tie ĉi, sed malproksimas / foras en tempoj de perfekta solo ... La tempo pasis, sed ankoraŭ taŭzas / min la mister' de via paca dormo.*

Pri ***Eta vivo***, la sola poemaro Esperanta de nia itala poetino, validas diri, ke kvalito tie valoras pli ol kvanto. Ĝi estas tratute persona, serioza homa dokumento pri unu virina vivo en tempoj minacantaj la aŭtentecon de la homa spirito. Ke la poetino trovis Esperanton aparte taŭga por esprimi siajn sentojn kaj pensojn dum tiuj malfacilaj jaroj, estas atesto pri la sanigaj povoj de la Esperanta vorto.

La poetino verkis ankaŭ du altkvalitajn novelojn en Esperanto: *Vivo kaj morto de Wiederboren* kaj *Avinjo*. Ili estas alireblaj en *Trezoro: Esperanta novelarto* (1989).

# Kial ĝuste Esperanto?

**Sci-volulo**: Saluton, kara ĉio-scia Ĉef-komputila Moŝto. Scivolulo ĝenas vin denove, pardonu!

**Ĉefkomputila moŝto**: Bonvenon, Scivolulo! Vi neniam ĝenas. Mi ĝuas viajn saĝajn demandojn.

**S**: Dankon pro via ĝentileco kaj bonvenigo. Jen mia nuna demando. Hieraŭ unu el miaj onkloj malice diris, ke ekzistas pluraj centoj da arte-faritaj lingvoj; kial mi opinias, do, ke oni elektos ĝuste Esperanton. Ĉu li pravas?

**Ĉ**: Pri la nombro de la artefaritaj lingvoj sendube. Ekzistas jam preskaŭ 500 tiaj lingvoj. Tamen, la plejmulto el ili ne povas esti rivaloj. Ili estas simplaj sekretaj lingvoj, kiujn ĉiu, iom sperta homo povas krei relative facile.

**S**: Li menciis laŭnome la lingvojn: Volapük, Ido, Okcidental.

**Ĉ**: Ili estas konataj lingvo-projektoj.

**B**: Li pravas, do, Esperanto vere havas rivalojn.

**Ĉ**: Ŝajne jes, sed fakte ne, ĉar neniu el la rivaloj estas komparebla kun Esperanto.

**S**: Kial?

**Ĉ**: Ĉar ili estas pli-malpli sukcesaj projektoj, nur projektoj, sed ne vivantaj lingvoj kiel Esperanto.

**S**: Sed se iu internacia hom-grupo decidas vivigi iun estintan aŭ novan projekton, Esperanto povos malgajni, ĉu ne?

**Ĉ**: Ne, tute ne!

**S**: Kial ne?

**Ĉ**: Ne, ĉar dum sia 120-jara historio Esperanto jam fariĝis vivanta lingvo de mult-etna kolektivo, kiu aktive kunlaboras. Fakte, ilia kontakto plej ofte ne estas tiel firma kaj daŭra ol tiu de etnaj grupoj, tamen mult-centoble superas iun ajn lingvoprojekton, el kiuj neniu estis praktike elprovita. Krome kaj ĉefe, Esperanto ne estas lingvo arbitre farita, kiel preskaŭ ĉiuj el la menciitaj lingvoj artefaritaj.

**S**: Zamenhof jam kiel infano rimarkis, ke disvolviĝanta ekonomia tutmondiĝo montriĝas ankaŭ en la tereno de internacia komunikado. Multaj esprimoj kiel la komercaĵoj fariĝis supernaciaj, t.e. komunaj por multaj nacioj.

**Ĉ**: Jes, ĝuste. Zamenhof estis tre saĝa homo, li intervenis nur tie, kie nepre necesis. Li klare vidis, ke necesas eviti gramatikajn esceptojn kaj utiligi ĝis preskaŭ maksimumo la lingvo-faciligan funkcion de afiksoj. Ĉio ĉi rezultigis esprimivan kaj neimageble facilan lingvon, kiun superi ĝis nun neniu povis.

**S**: Kaj post tiom da jaroj da praktika utiligado de Esperanto estus senespera entrepreno krei alian lingvon. Dankon! Vi konvinkis min. Ĝis!

# LINGVA DOKTORO

H

## Pri neado

La demandon: *Ĉu vi iras aĉeti oranĝon?* Oni povas respondi en du bazaj formoj: **jese** kaj **nee**. La nean formon lingvistoj nomas neado aŭ – per fak-vorto – negacio.

Oni povas nei la tutan penson (frazon), ekzemple, la demandon *Ĉu vi deziras manĝi?* oni povas nei jene: *Ne, (mi ne volas manĝi).* Aŭ oni povas nei nur iun parton (frazeron) de la demando, kiel ekzemple en la sekvaj frazoj: *Ĉu vi iras aĉeti oranĝon?* ***Ne mi** iras aĉeti, sed Elizabeta. Mi iras aĉeti **ne oranĝon**, sed bananon. Mi iras **ne aĉeti**, sed vendi oranĝon. Mi **ne iras**, sed kuras aĉeti oranĝon.* Kiel videble **ne** ĉiam troviĝas antaŭ la vorto, kiun oni volas ĝustigi, t.e. nei. Tio, verŝajne, estas sama ankaŭ en via gepatra lingvo. Notu bone ke, kiam vi neas la tutan frazon kaj ripetas la tutan demandon, kun *ne* antaŭ la predikato, aŭ ties certan parton, post la unua *Ne* oni paŭzetas en parolo aŭ metas komon en skribo.

**ne**

**nek**

**nen-**

Ĝis nun ĉio estis klara. Duboj povas ekesti ĉe tiaj frazoj: *Neniu respondis. Ni neniam vizitis ilin.* Kelkaj lingvoj kiel la hungara, ekzemple, ĉi-kaze uzas la vorteton *ne* duoble: *Neniu ne respondis. Ni neniam ne vizitis ilin.* Notu bone! Tio en Esperanto estas **emfaza jesado**, t.e. *Estis neniu, kiu ne respondis*, alie: *Ĉiu respondis.* En Esperanto duobla neado en unu propozicio estas emfaza jesado!

Tio ne signifas, ke sinsekve ne povas aperi negacio en du (aŭ pli ol du) propozicioj. Ekzemple: *Ŝi ne / nek venis, nek telefonis. – Ĉu ŝi telefonis? – Ne. – Kaj ĉu li? – Nek li.* Gravas tamen, ke en tiuj okazoj temas pri du propozicioj. Eble povas vin ĝeni la mallongeco de la esprimo. Tio ekestas, ĉar oni subkomprenas, sed ne ripetas la tutan demandon.

Problemo ekestas ankaŭ ĉe negacia demando. Ekz. *Ĉu vi ne faris la lecionon?* Por konfirmi la nefaradon iuj lingvoj – la japana, ekzemple – respondas, logike, per *Jes*, aliaj per *Ne*. Por Esperanto ne estas vaste konata regulo, kiu formo el ili estas ĝusta. Mi rekomendas, do, se estas eble, ne uzi negaciajn demandojn aŭ, se vi ricevis tian, ĉiam respondu per ripeto de la propozicio, ekzemple: *Ne, mi ne faris ĝin. – Jes, mi ne faris ĝin.* (Ŝajnas al mi, ke la lasta formo en Esperanto, estas malpli ofta ol la unua.)

*Geza Kurucz*

*komo:* , / *konfirmi:* sen-dub-igi / *propozicio:* parto de kompleksa frazo, enhavanta predikaton.

# Testo



## *Kiuj prepozicioj mankas?*

– Estas du minutoj _(1)_ la 12a. Venu _(2)_ la kuirejon _(3)_ tagmanĝi!

Sciu, ke ĉiu-dimanĉe ni tagmanĝas _(4)_ la 12a. _(5)_ tiu tago la patrino kuiras, dume la patro ludas _(6)_ la infanoj _(7)_ la komodo _(8)_ la vivoĉambro.

_(9)_ la invitaj vortoj ĉiuj rapidas _(10)_ la tablo, la kateto _(11)_ ĝin kaj _(12)_ ĝuo enspiras la agrablan odoron _(13)_ la supo troviĝanta _(14)_ bela plado. _(15)_ la tablo staras ses seĝoj. Ĉiu _(16)_ la manĝontoj okupas la sian. La patro sidas _(17)_ Eva kaj Edita. _(18)_ la patro sidas Ivano, _(19)_ kiu la patrino prenas supon _(20)_ la plado _(21)_ ĉerp-kulero _(22)_ lian teleron _(23)_ ol ĉerpi _(24)_ si mem. Tiam ekkrias Edita:

– Ho, ve! Mi ne havas kuleron! _(25)_ ĝi mi ne povas manĝi.

Samtempe _(26)_ la kuirejo iu grate frapas _(27)_ la pordo.

– Nu, kiu frapas _(28)_ la sojlo? Edita, malfermu la pordon kaj vi ricevos kuleron.

Ŝi aliras, malfermas la pordon, _(29)_ kiu enkuras la malsata hundeto, Vaŭĉjo, _(30)_ sia nomo.

– Nu, ĉiuj alvenis ! Bonan apetiton !

La solvoj troviĝas sur paĝo 50.

*Se vi trafis almenaŭ 25 prepoziciojn, vi sendube estas premiinda.*

**SOLVO de „Kiuj literoj mankas?" (n-ro 1/07)**

A) *kaj, sed, aŭtomobilo, kulturo, Eŭropa Unio, ĉambristino, leciono, Juna Amiko, knabineto, instruistino* B) *ŝoforo, kolbaso, somerumi, vespero, parkejo, bestĝardeno, reĝlando, bovido, vinbero, telefono* C) *kompaktdisko, impertinenta, kornbulko, sunfrapo, kravato, tablotuko, Germanio, metaforo, Pola Radio, terpomo*

En Interreto troviĝas jam pluraj milionoj da ret-paĝoj en Esperanto (laŭ serĉilo Google). Jen nur kelkaj el ili, kiuj povas esti utilaj por vi:

**www.uea.org** – la ĉefa retejo de UEA ;
**www.esperanto.net** – mult-lingva informa centro ;
**www.eo.wikipedia.org** – rapide kreskanta kaj jam tre utila reta enciklopedio en Esperanto ;
**www.purl.org/net/voko/revo** – Reta Vortaro, tre ampleksa kaj senpaga ;
**www.purl.org/net/pmeg** – Plena Man-libro de Esperanta Gramatiko

# Ĉu vi scias ke ...

- **dum unu jaro hektaro da arbaro elfiltras el la atmosfero 10 tunojn da karbona dioksido ($CO_2$);**
- **dum unu jaro hektaro da arbaro produktas 10 tunojn da oksigeno, t.e. la bezonatan kvanton por 57 homoj;**
- **dum unu jaro sola arbo elfiltras el la aero 6 sakojn da polvo;**
- **la arbo de la jaro 2007 estas kaŝtano, kaj la birdo de la jaro estas pasero;**
- **la vegetaĵaro, inkluzive ankaŭ la arbarojn, ludas gravan rolon en la stabiligado de la klimato de la Tero.**

***PROTEKTU LA NATURON !!!***

***Zoltan Kurucz***

**DIVENU pri kiuj profesioj temas!** 1. kuracisto; 2. bakisto; 3. ĝardenisto; 4. ŝoforo; 5. kelnero; 6. policisto / policano; 7. farbisto; 8. atleto; 9. direktoro; 10. redaktoro; 11. detektivo; 12. reĝisoro; 13. soldato; 14. pedagogo; 15. prezidento; 16. futbalisto; 17. vendisto; 18. manaĝero; 19. hejtisto; 20. poeto; 21. kuiristo; 22. inĝeniero; 23. bredisto; 24. frizisto.

***Solvoj de testo**: 1 – antaŭ / ĝis ; 2 – en ; 3 – por ; 4 – je ; 5 – En ; 6 – kun ; 7 – sur ; 8 – de / en ; 9 – Post ; 10 – al ; 11 – sub ; 12 – kun ; 13 – de ; 14 – en ; 15 – Ĉirkaŭ ; 16 – el ; 17 – inter ; 18 – Kontraŭ ; 19 – al ; 20 – el ; 21 – per ; 22 – en ; 23 – antaŭ ; 24 – al / por ; 25 – Sen ; 26 – ekster / antaŭ ; 27 – ĉe / sur ; 28 – trans ; 29 – tra ; 30 – laŭ*

# KLAŬDIA

Aŭtorino: Sonmy Álvarez (KUBO)
Tradukis: José de J. Campos Pacheco (KUBO)





















Niki-Maki
tutkore
salutas
vin kaj
esperas
renkonti
vin
persone
en la
zooparko
de urbo
Veszprém